# LITERATURA MONDO



MURILLO: JESUO DISDONANTA PANON

·REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, KOLOMANO DE KALOCSAY,
PAULO DE LENGYEL, DR^O VINCENTO TÓTH KAJ PAULO VARSÁNYI
RESPONDA REDAKTORO: DR^O BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.

MAJO 1925 IV. JARO 5. NO.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-UTCA 3

# NIA KUNLABORANTARO

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (VARSOVIO), IVAN H. KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J. JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI.

# KRUCENIGMO III.

Laŭ multaj deziroj jen la pli malfacila kaj komplikita enigmo. Espereble plaĉos ankaŭ ĝia simetrieco. Premioj kiel ĉe la unua enigmo. Ĉiuj Esperantaj vortoj estas apostrofitaj (sen gramatika finaĵo).

**Horizontale** 1 agrabla printempa sono, 3 ni altetaksas ĝin nur kiam ĝi mankas, 5 ne komuna, 7 supertera stato, 9 sur muzikverkoj oni legas, 10 diplomatoj uzas, 12 polusvojaĝanto devas havi, 13 lago en Azio, 15 tie okazis la unua beleckonkuro, 16 greka dio, 18 sankta Antonio havis, 19 oni kutimas fieri pri ĝi, 21 akademiano, 22 aĉetanto pri ĝi ĝojas, 24 en teatro oni vidas, 25 verkisto multe bezonas, 26 tre ofta mallongigo, 30 rusa rivero, 32 speco de pafilo, 33 scienculo ofte havas, 35 serba urbo, 37 io por ŝuoj, 38 kartludo, 40 edzino de bizantia imperiestro, 42 monduma vesto, 43 dolĉa suko, sed povas mortigi, 45 itala rivero, 46 ĉefa materialo de farbofabrikoj, 48 gaja kunesto, 49 per ĝi oni riĉiĝas (laŭdire), 51 nuntempe estas epidemio, 52 dua vorto de religia himno, 54 dombesto, 55 malagrabla mieno, 56 arbo, 57 parto de cirklo, 58 lago en Afriko.



**Vertikale:** 1 danĝero de kanarioj, 2 fiŝo, 3 fino de negoco, 4 virinfiguro de Ibsen, 5 estonton antaŭdiris, 6 mistera lando, 7 monunuo, 8 geologia epoko, 9 savo por soifantoj, 11 religia kutimo, 12 nuntempe virinoj portas mallongajn, 14 biblia figuro, 17 ĝardenisto faras, 18 mallumon ŝatas, 20 plej facila muzikinstrumento, 21 forta veneno, 23 lago en Ameriko, 27 ju pli oni forprenas, des pli ĝi kreskas, 28 manĝaĵo, ankaŭ dio, 29 montra vorto, ankaŭ monspeco, 31 la tuta mondo, sed almenaŭ unu persono, 33 fabela besto, 34 ĥemia elemento, 35 la plej kruela poeto, 36 neniu volas vidi sian propran, 38 solena vesto, 39 religia libro, 40 rivero en Azio, 41 pri virinoj gardas, 42 majstro ne faras, 44 mallongigo de malsannomo, 45 speco de voĉo, 47 celo de sipoj, 50 antaŭe rusa urbo, nun ĉefurbo de malgranda lando, 51 rekompenco de bonfaro, 53 ranejo, 54 Azia nacio.

**Solvo de la Krucenigmo I.** Horizontale: 1 La Faraono, 2 ujo, 3 akordo, 4 ordo, 5 ili, 6 ok, 7 kajo, 8 opalo, 9 sub, 10 ombro, 11 Po, 12 ioujo, 13 ne, 14 paro. Vertikale: 1 liriko, 4 oro, 11 por, 15 en, 16 lapo, 17 Fujijama, 18 bis, 19 roko, 20 oro, 21 okro, 22 ja, 23 nodo, 24 kubo, 25 o.

Ĝin solvis 29 personoj. Premiitaj. 1 P. Lapiene, Birzai, 2 N. Hohlov, Varsovio, 3 J. Kaczka, Luck.

# REDAKTA ANGULO

Nia revuo volas esti renkontejo ne nur de l' ĉiunaciaj literaturoj, sed ankaŭ tiu de l' artoj. Ĝia konstanta rubriko: Arto kaj Artistoj estas kolektejo por la artaj valoraĵoj de ĉiuj popoloj. Per ĉi tiu tendenco ni volas esti fidelaj al la fundamento de nia movado, al ĝia idea enhavo: manifesti per la vicigo de l' ĉiunaciaj artaj valoraĵoj la komunecon de l' homaj idealoj kaj tiel akceli la interkomprenon kaj interfratigon de l' diversaj popoloj.

Ĉi tiun grandan moralan forton de l' arto unuavice ni, E-istoj devas konscii kaj priuzi je la intereso de nia fina celo. Ni volas, ke la arto, ĉi tiu plej bela simbolo de l' homaj sopiroj al la Idealo, ricevu vere sian idealan sencon: kiel internacia lingvo de l' sentoj ĝi kunligu la tutan homaron.

Por ebligi ĉi tiun celon, ni alvokas ĉiujn, kiuj sentas la gravecon de niaj klopodoj, al nobla konkurso kaj ni atendas la helpon de l' tutmonda Esperantistaro.

P. Varsányi.

La rubrikon Arto kaj Artistoj ĝis nun verkis nia redakta komitatano Paŭlo Varsányi. Rekonante la gravecon de lia iniciativo, ni jene malfermas la rubrikon por la tutmonda espistaro. Ni serĉas kunlaborantojn en ĉiuj laŭ arta vivo gravaj landoj de la mondo. Ni esperas, ke fakuloj kaj artŝatantoj bone konsideros ĉi tiun peton kaj uzos la okazon: propagandi la arton de sia nacio per nia revuo. Kaj per tio ankaŭ nia revuo atingos sian celon, la veran internaciecon ankaŭ ĉirilate. Speciale ni adresas nian peton al la naciaj esp. aj societoj, kiuj povas instigi siajn anojn al kunlaboro, kaj doni al ili la necesan subtenon. Ilia helpo estas grava precipe pri la akiro de la necesaj kliŝoj. La resendon de la kliŝoj ni nepre garantias, krome ni pagas la elspezojn de l' prunto kaj de l' poŝto. Por ke la kliŝoj ne kuŝu ĉe ni tro longe, plej oportune estas sendi unue la artikolon kun la listo de la kliŝoj kaj sciigi ankaŭ ilian grandecon. Poste ni sciigos la aŭtoron, kiam ni bezonos la kliŝojn, kaj por kiuj el ili ni povos doni lokon en la revuo.

Kompreneble la artikoloj povas esti ankaŭ tradukitaj. Ilia longo ne estu pli, ol unu paĝo en nia revuo.

Specialajn pretendojn pri epokoj, skoloj, individuoj ni ne havas, sed kliŝojn ni nepre bezonas, ĉar bedaŭrinde nia financa situacio provizore ne permesas al ni farigon de kliŝoj.

Esperante viglan interesiĝon, tutkore salutas siajn novajn kunlaborantojn

La Redakta Komitato.

ABONPREZO POR JARO 144,000 HUNGARAJ KRONOJ

# NOKTO DE LA TROJA MILITO

**JOHN DRINKWATER**

PERSONOJ:

*PRONAKS* } *Grekoj*
*SALVIUS* }

*ILUS* } *Trojanoj*
*KAPIS* }

*Greka gardisto.*
*Greka servanto.*

*La agado pasas inter greka tendo kaj la Troja murego, kaj estas daŭra.*

SCENO I.

*Greka tendo sur la ebenaĵo antaŭ Trojo, ĉirkaŭ la fino de la dekjara milito. Estas plenstela somera nokto. Pronaks kaj Salvius, du junaj grekaj soldatoj, estas en la tendo, Salvius leganta ĉe lumo de torĉo, Pronaks alrigardanta la nokton. Dum la sceno Gardisto preterpasas de tempo al tempo tien kaj reen malantaŭ la tendo.*

PRONAKS:

La nokto hejme ofte estas tia.
Mi vidis la fruktejojn blankajn kiuj
Sub lun' somera brilis, kiel nun
Ĉi tendoj sub la steloj. En ĉi horo
La arbetar' de mia patro plenas
De kanto, dum la dormo regas hejme
En la komforta dom'. Escepte se
Iu karulo maldormante pensas
Pri mi kaj miajn ŝancojn nun kalkulas,
Dum morto Troja sekvas sian noktan
Mision.

*(La gardisto preterpasas.)*

Kara hejmo estas tiu,
Kaj bonodora, kun benata frukto
Kaj gren'; kaj pensoj, kiuj faras min
Pli aĝa ol juneco mia, venas
Eĉ el urtikoj ĉe l' pordego. Eble
Hodiaŭ trovas sin la rikoltistoj
En kampo, kaj en nokto la matura
Florsemo estas disblovita. Estas
Jam la rikolto tria nun de tiam
Ke ni konsumiĝadas sur ĉi tiu
Senfrukta ebenaj', por venĝi ian
Maljuston, okazintan dum la tagoj
De nia infanec', al belulino
De ni eĉ ne vidita. Jaroj tri...
Sed tiel estas, kaj tiele devas
Ja esti, ĝis la greka jur' praviĝos.
Salvius, kial estas ĉiu penso
Belega nur dolor'?

SALVIUS:

Ni scias
Eĉ dum plej alta adorad': forpasas
Beleco. Tio estas la tragika
Rakonto, tio estas nia mondo.

PRONAKS:

Ĉu ne tre strange estas do ke, kvankam
En malliber' nin tenas ĉi malpaco
Jam tiel longe, ke memori bone
Malgrandan Argiv-straton estas al ni
Tortur' ĝisoste, tamen ne ekzistas
En sang' malam' al tiuj, kies morto
Jam estas nia tagkutim', sed sole
Konsent' en mort', sciante ke la morto
Same facile povas nian langon
Ektrafi, kiel tiujn, kiuj kuŝas
Por ĉiam mutiĝinte, ĉar indulgo
Ne estas al ni permesata.

SALVIUS:

Strange
Ne estas: kiu kun la morto
Iradas rigardante ĝian tagan
Detruon, kaj je ĉiu mortobato
Pensas pri l' tuta agoni' sendita
El tiu bato, kiu iras pulse
Batante, pulsbatante, pulsbatante,
Tiu forgesas ĉiun malamegon.
Mortintojn kiel povus ni malami?
Kaj — kie morto regas kiel inter
Ni nune — vi, Pronaks, kaj mi, kaj ĉiuj
Amikoj, kontraŭloj niaj estas
Egale kiel jam mortintaj homoj.

*(La gardisto preterpasas.)*

En mond' fantoma kune moviĝantaj,
Kun vivo, kiel almozulo sen
Bonŝanco ĉe la pordo. Malamegi
Afer' ne estas por ni, kiuj flanken
Formetis la ŝirmejon; kie homoj
Sin pensas senmezure malproksime
De eterneco kaj liberigitaj
Pasioj havas siajn naskiĝlokojn.
Malami povas grandaj reĝoj. Pastroj
Eltondri povas sian malamegon,
Ĝin grizbarbul-profetoj povas krii
Aŭ tiuj, kiuj ehas la malamon
Pro fierec' pri sia novtrovita
Potenc', timante ke mildemo markus
Ilian veran karakteron, kaj
Senigus ilin de la bruta gajno.
Tiu envio estas ne por ni.
Destino nia estas sole morti,
Aŭ doni tiun morton, kiun tiuj,
Pro sia malameg' aŭ senzorgemo,
Deziras.

PRONAKS:

Ne pro malinklin' al devo...
Ja estas vere ĝoja ag' plenumi
Ordonon de l' patrina lando, kvankam
La blind-anim' forgesas la devenon
De l' kaŭzo. Mi en mia horo mortos
Kun ĝojo, eĉ se hodiaŭ venos ĝi,
Kaj sen bedaŭro, tamen por junulo
Ja tre maldolĉe estas se, anstataŭ
Okupi sin pri vivesplor', pariĝo,
Kaj konstruad' de daŭra fam, aŭ meto
De la kameno taŭga por amato,
Li devas malatenti ĉion ĉi
Kaj nur pri morto lerni, kiu devus
Kaŝita esti por juneco. Grava
Afero atendanta aĝplenecon,
Sed ne komuna babilado inter
Ĉi tajdoj de la tagbestajoj. Tamen,
Memori devas mi, por ĉio ĉi
Forlasis mi spertplenan mian vivon,
Fruktejojn miajn, la riverojn, ankaŭ
La sonorilojn de brutar' krepuska
Movatajn en nebul'.

SALVIUS:

Mi scias; menso
Laciĝas pripensante ilin. Tiuj
Malgrandaj hejmbelajoj. Mia lito
Rigardas okcidenten sur la maron
Ionan. Dolĉa, freŝodora ĉambro
Ĝi estas. Tie skribis mi plej bonajn
Poemojn miajn. Vidi mi ne povas
Veleton nun al Troj' venantan, kiu
Ne igas mian cerbon sopiregi
Je tiu eta ĉambro ĉe la kajo,
Sur kiu ridas je tagiĝo kaj dum
La tute tag' maristoj, ĝis la ŝipoj
Dum sunsubir' silenta iras for
Al akvoj Siciliaj.

PRONAKS:

Tie viajn
Poemojn verkis vi, en Pylos; kaj en
Atheno ankaŭ mi revadis, kvankam
Mi kaptis ne lirikan kanton. — Mi
Prirevis politikon pli honestan,
Ol kiun iu regno iam konis:
Mi estis alportonta princolandon
Al ĉies hejm'; al ĉiu hom' la scion
Ke li mem estras sian propran sorton.
La revo nebuliĝis. Jarojn tri
Instruis al mi polv' de Trojo sole
La preĝon en la nokt' pri dormo, brako
Pli forta en ruzec' ol malamika,
Okulo pli rapida por deturni
La morton lerte. Kaj, Salvius, kio
Pri viaj kantoj?

SALVIUS:

Ili dormas jam
De multaj tagoj, atendante venon
De pli feliĉa tempo, se ĝi venus.

PRONAKS:

Kaj garde staras mort'.

*(La gardisto preterpasas.)*

...Kaj via kanto.
Kreskinta en uter' generacia
Por ĝojo kaj util' de homo, eble
Pereos antaŭ ol ĝi evoluos
Muziko alta, por ke l' fam' eliru
Ke Grekoland' pli sange ol Ilium
Militis: Tio estas interŝanĝo
Malinda... Sed ĉi pensoj moviĝantaj
Fantomsimile el vivaĵo kiu
Estadi devus, min malatentigas
Pri mia devo. Estas jam post horo
En kiu ĉirkaŭflari devus mi
La muron Trojan por ekkapti eblan
Viktimon kiu venos. Mi cikatris
La muron dum la lastaj noktoj, ĉe l'
Kurbiĝ', pri kiu mi parolis, ĝis
Sukcesis mi en rompiĝanta ŝtono
Piedtenilon fari por atingi
La supron. Estas stranga ludo, tiu
Subita vivdetruo en mallumo,
Kaj tiu dispecig' de karno, kiu
Ankoraŭ estas freŝa en la sango,
Kaj kiuj ploras, certe ja, mi pensas,
Ploradas kiel tiuj kiuj plorus
Se falus mi. — Mi malamegas tion.
Sed bonan nokton! Vi ja volus dormi.
Malfrue estas, kaj ĉe la tagiĝo
Gardvico via sekvos.

*(Li prenas armilojn kaj envolvas sin en sian surtuton.)*

Bonan nokton!
Vi kion legas?

SALVIUS:

Kantojn de poeto
Verkitajn en provinco mia. Estas
En lia kanto veloj, kaj marbirdoj,
Niaj ebenaj paŝtolandoj kaj
La bronzumitaj fiŝkaptistoj sur la
Flosantaj tajdoj. Lia nomo estis
Kreono, tiajn kantojn verkos mi,
Se volos tion sort'.

PRONAKS:

*(kiu enverŝis por si kaj trinkis pokalon da vino)*

Mi scias. Torĉon
Estingu, se vi enlitiĝos antaŭ
Mia reveno. Bonan nokton.

SALVIUS:

Bonan,
Bonŝancan nokton!

PRONAKS:

Kaj bonvolu zorgi
Ke l' trogo estu plenigita; povas
Okazi ja ke ĉi afer' la manojn
Per sang' makulos.

*(Li elrigardas en la nokton kaj iras for.)*

*(La gardisto preterpasas.)*

SALVIUS:

*(legas)*

Sur mallumaj Siciliaj akvoj
La fiŝkaptistoj iras for...

*(La kurteno falas.)*

SCENO II.

*Sur Troja murego. Kapis, juna trojana soldato, staras garde, elrigardante super la ebenaĵon, kie la Grekoj estas enkampitaj. Ilus, alia juna soldato, lia amiko, vestita per ursofelo, venas al li.*

ILUS:

Gardvico via, kiam ĝi finiĝos?

KAPIS:

Post horoj du: meznokte.

ILUS:

Ho, jen, estas
Belegaj tiuj tendoj sub la steloj.
La nokto estas mia: inter ilin
Foriri kiel ombro, kaj post kapto
De greka viv' reveni kiel ombro
Denove. Estas kurioze gajni
Lertecon tian en junaĝo frua.
Du jarojn, unufoje po semajno. —
Jam cento, pli ol cento kaj nur unu
Maltrafo. Jam cent grekaj knaboj, Kapis
Similaj al mi mem — amantaj, en
Honor' rapidaj kaj sentimaj. — En
Belec' ilia difektitaj pere
De mi, kies deziro ĉiam estas
Belec', de kiam ĉe arbustbariloj
Unue mi promenis dum aprilo.
Se nur la temp' vizaĝon de Helena
Efikus, eble tiuj ĉi naŭ jaroj
De malpaciĝ' finiĝus, kaj pli saĝa
Fariĝus Troj', kaj ĝiaj konsilantoj,
Nun konfuzitaj, por puriĝ' kaj por
Foirvetur' ricevus veturilojn.
Kaj kio do pri mar-knabino via,
Ĉu ŝi elkreskis jam?

KAPIS:

Vi, amiko,
Demandas ĉiam tion ĉi. Ĉiziloj
Rustiĝis, la tineoj estas jam
En tolsurtutoj miaj; la marteloj
Rompiĝis. Ilus, en animo mia
Mi vidis membrojn fortajn kaj flekseblajn,
Beleco de virinoj movis sin al
Naskiĝ' mirakla en imago mia;
Konceptis mi la korpon de la homo
Faranta Dian klarparolon pri
La ĝojo, kiu fluas senkalkule
En ĉiu paŝ' feliĉa de saneco.
Popol' svarmanta sur Troj-stratoj devus
Mirinde flori sur marmoro mia;
Doninta estus mi al mia lando
Malkaŝon dolĉan, kiel ĝia faro
Ja al mi estis. Kaj ankoraŭ estos,
Se iam de spirito mia falos
Tiu malkara monotono, kiu
La mondon igas simpla eĥo, ĝian
Vivantan geston forigante. Trojo
En paco estos Trojo grandioza,
Ĉar mi ĝin faros tia.

ILUS:

Estus bele,
Se Trojo fine tiamaniere
Nin uzus, kiel ĝi nin povus uzi.
Konstrui, kanti, honestecon turni
Al ĝia foirplac', popolon ĝian
Instrui, ke malbono ĉiam estas
Rezult' de letargia mens'. Mi vidis
Ĉi Trojon en imago, ekflorintan
En simplan regnon, kie la envio
Mortinta estas, ĉar neniu homo
Parolas vante pri afero, kiun
Ne konas li. Ho, Kapis, ni malmulton
Bezonas ĝis justec', ni ĉiuj estas
Faritaj tiel noblaj, se nur agus
Ni laŭ nobleco nia. Kial ni
Militi devas kontraŭ tiuj grekoj?
Okazis ia koleriĝo, ia
Ekbol' de l'sango antaŭ jaroj, kiam
Pariz' Helenan sian portis Trojen;
Kaj Menelaos kriblekis post kalkanoj.
Sed tio estas forgesita nun,
Neniu tamen povas ekhaltigi
Ĉi tion, kion ĉiu malamegas.
Tre ofte pensis mi, dum tiuj noktoj
En kiuj mi danĝere pasis inter
La tendoj grekaj, kiel bone li,
De kiu ŝtelis mi la vivon, kaj mi,
Prosperus kune, en aspir' komuna
Por bon' de tiu aŭ alia celo
Homara. Mi naŭziĝis kaj daŭrigis
Denove bati, kiel Troj' ordonis,
Ĉar ĵuro estas stranga kurkulio
En cerbo.

KAPIS:

Kiu tie?

VOĈO:

Trojo kaj
La Troja morto.

KAPIS:

Preterpasu Trojo!
Silento kuŝas sur la ebenaĵo
Ĉi nokte, kaj la steloj estas lumo
Lanterna kontraŭ vi. — Vi devas iri
Singarde, Ilus. Perdo de multnombraj
Amikoj pliakrigis mian amon,
Ne obtuzigis min la perd'. Mi plenas
De zorgoj pri vi en ĉi nokt' kun ĝia
Beleco de somer' flamanta. Eble
Ĉi nokton malsukces' elektis tiel
Kruela kiel la fatal' deziras.
Singarde do!

ILUS:

Mi tiel bone konas
La tendumitajn placojn kaj la multajn
Vojstrekojn inter tiuj grekoj, kiel
Mi konas Trojmuregon; kaj mi povas
Trapasi nokte manproksime de
Okul' gardista, kaj aperi kiel
Ombraĵ' de nubo aŭ de vent' movata
Arbet'. Memoru, jam cent fojojn.

KAPIS:

Tamen
Deziras mi ke mi mem povus preni
Danĝeron vian aŭ dividi ĝin.

ILUS:

Ne; en ĉi ago io kuŝas, kiu
Pli estas ol kuraĝo. Kapis, via
Ĉizil' ankoraŭ gajni devas vian
Vizion en figuron por la monda
Trankvil' kaj lum'. En tagoj malfeliĉaj
Tag' plej malbona estas, kiu frapas
Profetajn lipojn. Via faro estas
Labor'.

KAPIS:

Kaj via. — Tiu rev' pri Troja
Regenerad': ke kor' popola montru
Sin en popola viv', oni ne estu
Vundita priplorinde de estaĵoj
En kiuj la aŭtoritato estas
Pretendo uzi ĝin malbone, dum
La homoj sub ilia tiraneco
Retenas afablecon, atendante
Je liberiĝo sia. Tiel povas
Ni veni kune al laboro nia,
Vi en la profetec' pri viv' kaj mi
En la kread'. Ĝis kiam nokto, Ilus?

ILUS:

Jam antaŭ fin' de via gardo venos
Mi rec. Tie ĉi, sur tiu punkto,
Ĉe mia signo, antaŭ noktpleniĝo,
Aljetu la ŝnuregon, tiel: —

*(Li fajfas. Li grimpas super la remparon al kiu li alkroĉis ŝnuregon.)*

Paco
Kun vi, ĝis mi revenos.

KAPIS:

Kaj bonŝanco
Kun vi, singarde iru, fartu bone!

*(Ilus sin ĵetas malsupren al la ebenaĵo. Kapis suprentiras la ŝnuregon. Regas silento por momento.)*

KAPIS:

*(Paŝante tien kaj reen sur la muregо.)*

Ĉu Greko, ĉu Trojan', ja estas same,
Se falas neĝ' sur nian somertempon
Kaj se l'feliĉa rimo tagomeza
Pro morto frua estas ne finita.

Burĝono ekflorinta nepre velkos,
Kaj tamen vidos ĝi pli certe Majon,
Ol juna homo maljunecon, kiam
La morto estas ombro en spegulo.

Ĉe nia flanko, nevideble, ofte
Moviĝas mortobata man', kaj kiam
Ĝi falas sur junecon...

*(Li aŭdas movadon malantaŭ si, kaj turnas sin rapide.)*

Jen, kiu tie?

PRONAKS:

Greko, malbonŝance
Por armilar' trojana. — Grek' en ĵuro,
Terura en obeo!!

*(La superfalo estas tiel subita, ke Kapis falas sen krio, la ponardo de la Greko en lia brusto. Pronaks eltiras ĝin, alrigardas sian mortintan kontraŭulon, ektremas, rigardas trans la muregon, kaj tre singarde malsuprengrimpas ĉe la punkto, kie li venis.)*

*(La kurteno falas.)*

SCENO III.

*La greka tendo denove. Salvius ankoraŭ legas, kaj la torĉo brulas. Servanto alportas grandan kruĉon da akvo, el kiu li verŝas en la trogon ekster la tendo. Ilus en sia ursofelo vidiĝas alproksimiĝanta silente. Li atingas la tendon malfermante ĝin sen ia bruo, kaj en la sama ne interrompita silento lia ponardo eniras la koron de la Greko. Ilus ekkaptas la falantan mortintan homon, kaj lasas lian korpon fali sur unu el la kuŝejoj interne de la tendo. La gardisto preterpasas. Ilus senspire atendas ĝis la paŝoj estas forpasintaj, kaj tiam, ŝtele, kiel li venis, li malaperas.*

*Estas paŭzo. Pronaks alvenas el la mallumo, kaj, ĵetinte sian surtuton sur la teron, iras rekte al la trogo kaj komencas lavi siajn manojn.*

PRONAKS:

He, kio, ĉu ankoraŭ vi maldormas
Kaj legas? Tiuj kantoj certe estas
Maloftaj, se soldaton tenas ili
El lito nokte. Uff!! — Salvius, estas
Kelkfoje abomene. — Li ne havis
Eĉ tempon por vorteto, — li promenis
La muron sub la steloj ĝuste kiel
Amanto inter lunlumitaj rozoj. —
Ĉi tiu purigado estas bona —
Li estis deklamanta iajn versojn,
Mi pensas, ĝis la morto interrompis.
Malvarma akvo estas bona post
Ĉi tiu kortuŝanta ago, ĝi
La menson refreŝigas por komforta
Ekdormo. Tamen, jen farita la
Afer', kaj sanigilo forta estas
La dorm' por ĉiuj ĝenoj.

*(La gardisto preterpasas.)*

Estas tempo
Ke l' torĉo estu estingita. Mi ne
Bezonas ĝin, kaj vi jam devas esti
En lit'. Salvius...

*(Li enrigardas en la tendon je la unua fojo.)*

Kio, vi jam dormas,
Kaj en vestaj' ankoraŭ? Tio estas
Malzorga ag' amiko; kaj la torĉo
Brulanta... Salvius...
Salvius. He, Salvius... Dioj!! Amiko!
Salvius... Salvius...
Mortinta, ag' farita, ag' farita...
La juĝ' farita, la belec' — rompita...
Kaj tie sur la Troja muro, iu
Alvenos same... iu alvenos same...

*(La gardisto preterpasas.)*

*(La kurteno falas.)*

SCENO IV.

*La Troja murego. La korpo de Kapis kuŝas en la stellumo kaj silento. Post kelkaj momentoj la signalo de Ilus venas de malsupre. Paŭzo. La signalo estas ripetita. Paŭzo.*

*(La kurteno falas.)*

El la angla, kun la permeso de l' aŭtoro: *J. D. Applebaum*



GRECO: PENTANTA ST MAGDALENA

# LA AMPOEMO DE JAN MIJS

MAURITS SABBE*



De kiam Jan Mijs estis en la retorika klaso, li ŝanĝiĝis. La kamaradoj vere ne sciis kio okazis al li.

En la unuagradaj klasoj li ĉiam faris kiel la aliaj. Kiam oni elpensis farson, li ĉiam estis preta ludi rolon en ĝi kaj neniam estis trovebla pli konfidebla, lojala kunkulpulo. Li povis gardi sekreton kvazaŭ tombo; lerte kaj maltime savi amikon, kiu estis preskaŭ kaptata; se necese, sin foroferi por savi aliajn de pli gravaj punoj. Jan Mijs estis „bonulo", kiel la knaboj diras. Kvankam li neniam sin elvidigis en la klaso, tamen lia nomo estis honore ligita al ĉiuj faritaĵoj, per kiuj la sinjoroj retoriklernantoj dum antaŭaj jaroj famiĝis.

Sed nun tio estis finita. Ili ne plu devis paroli al li pri farsoj, li nomis tion infanaĵoj. Kiam la aliaj tamen faris ilin, li ne partoprenis kaj ŝajnis eĉ, ke li arogante malaprobis. Eĉ dum la desegna kurso kaj ĉe la Urso, dum la matematika kurso, dum kiu li antaŭe estis ja kelkfoje la agitodirektanto, li nun estis modele trankvila kaj ŝajnis ĉiam studanta. Mijs fariĝis serioza junulo, komplimentis la desegninstruisto.

Tion la aliaj knaboj juĝis infana.

— Li pozas, — opiniis Verleyen, — sed se li kredas ke „ni" imitos lin, li eraras...

— Li ludas avon, — diris Bollekens, — kaj mi estas lia kara nepĉjo...

Kiam Mijs aŭdis tian ŝercon, li ridetis kaj silentis.

Li pli bone sciis tion. Ne estis ŝajno de pozo en lia agado, sed io pli vera, pli nobla. Tute speciala interna viveto estis ekflorinta en li kaj plenigis kaj superregis lin pli kaj pli.

Fore de la okupoj de liaj kamaradoj, fore de iliaj banalaj ludoj kaj babiladoj kuŝis nun lia ĝojo. Li serĉis la lokojn, kie estis tre trankvile, en la ĝardeno, aŭ pli prefere ankoraŭ en sia studĉambreto kun ĝia belega perspektivo sur la rivereton, kiuj preter kadukiĝintaj ŝtuparaj fasadetoj kaj malaltaj ĝardenmuretoj serpentumis kun enpendanta verdaĵo tra la malnova urbo. Tie estiĝis tiam en lia spirito fantazioj, kiuj estis sunaj kiel la ridanta ĉielo, aŭ beate melankoliaj, plene de vaga deziro kiel la kanteto de malproksima sonorilaro, kiu kantis en la vespera krepusko super la urbo.

Tio ja ne estis subite okazinta. Dum la du lastaj jaroj jam iomete ekkaptis lin de tempo al tempo tiu kvieta ĝojo de pripensado kaj revado inter liaj krudaj ludoj kaj furioza bruego.

Tio plej ofte okazis kiam li estis leginta ion belan... Inter liaj lernolibroj estis kelkaj, kiujn li avide legis. En la kvara klaso estis „Ernest Staes".** La ĉarma Bertha estis almenaŭ tiel adorata de li, kiel de Ernesto. Same heroe Jan Mijs estus defendanta la belan infanon. El tiu libro eliris pli ol la karesa ravo de la rakontoj, kiujn li legis dum sia infaneco. Elblovis el ĝi vento de realeco, kiu vekis lin por nova vivo. Li jam pripensis ĉu inter la knabinoj, kiujn li konis, ne estis unu, kiu povus iĝi „lia" Bertha. Ĉu Jenny de la poŝtestro ekzemple? Ĉu Jenny, kun ŝiaj grandaj, belaj okuloj? Kiam Jan, post tiu penso, la unuan fojon renkontis ŝin dum la irado al la lernejo, li tiel ruĝiĝis, ke li de tiam evitis eĉ vidi ŝin por ne malkaŝi sian sekreton.

En la dua kaj precipe en la tria klaso malfermis lia naskiĝanta amo ankoraŭ pli belajn paradizojn. La priskribado de la naskiĝanta amo en la „Kanto de la Sonorilo" estis dum tiuj jaroj por Mijs la plej bela poeziaĵo, kiun homo povas ĝui. Precipe kiam d-ro Blomme varme kaj admire priparolis tiun parton de la poemo de Schiller, Jan vere ekstaziĝis. D-ro Blomme havis puran literaturan senton kaj sciis komuniki ion de sia belemo al la knaboj. Tio estis io tute alia ol la seka trokritikemo de Deval pri la „Poezia Arto" de Boileau.

> O, dass sie ewig grünen bliebe,
> Die schöne Zeit de jungen Liebe!

Kiam Mijs revante flustris tiujn versojn antaŭ la fenestreto de sia studoĉambro rigardante la unuajn stelojn, tiam li havis la okulojn de Sankta Cecilia, interpretanta sur sia orgeno ĉielan inspiron.

Poste estis Hermano kaj Dorotea, kiuj kondukis lin al la murmuranta fonto sub la maljunaj tilioj. Li vidis ilin ambaŭ sin klinitaj super la klaran akvon kaj en tiu freŝa spegulo ridante rigardantaj je la unua fojo en la okulojn de la alia. Li pripensis, ke tio ja povis okazi ankaŭ tie, ĉe la rivero, sur la malnova ĉerpŝtupareto, kiun li vidis tra sia fenestro. Li vidis ŝin jam tie, rigardanta en la akvo la dolĉan kapeton de... jes, de kiu? Ĉu de Jenny? Aŭ ĉu de la malhela, ĉiam ridanta Valonineto, kiu nun loĝis ĉe lia onklo? Ne estis ja certe, kiun li elektus kiel Dorotean, sed malgraŭ tio lia plej pura adoremo iris al tiu benata... nekonatino.

Jan estis nun tute dronanta en la alta literaturo. Li jam eklegis la verkojn de Shakespeare! Nenio superis la balkonscenon el Romeo kaj Julia! Estis ja io por solece prifantazii dum klara lunvespero, ie apud la rivereto... Li sur la ŝnurŝtupetaro, kaj sur la balkono... Ĉu Jenny? Ĉu la Valonineto? Aŭ ĉu la filino de la latina profesoro, kiu, antaŭ nelonge, reveninte el la edukpensiono, kaŭzis inter la retortikaj lernantoj grandan sensacion per sia interesa paleco kaj mondfremda rigardo? Kiu? Nu, tio ne estis grava. Jan amis la amon pro la amo... Li ankoraŭ ne konis Dante Gabrielo Rossetti, sed li estus povinta ekkrii kun li: „I loved thee ere, I loved a woman, Love!"

Jan estis plej forte ekkaptita per la „Buch der Lieder", sen-egala ravo. Ĉiuj kluzoj de la sento ĉi tie abrupte malfermiĝis kaj Jan estis kuntrenata. Tio estis ja pli bela ol ĉio, kion li revis; la romantiko de lia dekokjara aĝo kantis tie pli alte kaj laŭte ol li iam konjektis. Jes, tiel estas ke la amo ĝojas kaj ploras, venkas kaj malesperas. Kaj per la ofta legado de tiuj kantoj li ja certiĝis, ke ĉiuj tiuj emocioj estis ankaŭ la liaj.

La fatala, neevitebla sekvo de tiu fantaziado estis, ke Jan Mijs ekfaris versojn. Li sentis la deziregon honori la idealon de sia nemateria adoro per girlandoj de ritmoj kaj rimoj. Ĉe li almenaŭ la lecionoj pri nederlanda versfarado de D-ro Blomme estus donontaj iom da praktika utilo. Jean Bollekens, la Bruselanaĉo, kiu ne estis literaturema kaj ne ŝatis la nederlandan lingvon, ĉiam malbonhumore diris pri tiuj lecionoj:

— Kion ni faros per ĉiuj tiuj bazaraĵoj? — estis lia granda plendmotivo. Ni ja ne estas „pojetoj!"

Jan Mijs estus pruvonta la malon. Li tute seriozis kiam li konfidis siajn unuajn amorimojn al la papero. Li rakontis ĝin al neniu. La versfarado estis ja laŭ multaj io maldeca. Kaj amoversoj ja! Tiu rimado devis resti dolĉa sekreto, kiel la tuta interna vivo, per kiu Mijs depost kelkaj monatoj tiom plezuris. Neniam virino estis pli alte kaj pure amata

* *Maurits Sabbe*, kiu naskiĝis en 1873, estas unu el la plej famaj nuntempaj flandraj verkistoj; li apartenas al neniu speciala literatura skolo kaj estas artisto kun profunda sento kaj poeziema animo. Li verkis multajn novelojn kaj romanojn, kiuj ĉiuj ludas en lia naskiĝurbo Bruĝo. Li ankaŭ verkis belajn teatraĵojn, ĉarmajn opertekstojn kaj rimarkindajn kritikaĵojn. Nuntempe li estas konservisto de la fama „Muzeo Platijn-Moretus" en Antverpeno. (Noto de la tradukinto.)

** *Ernest Staes* de Anton Bergmann estas fama verko el la flandra literaturo. (N. d. l. t.)

ol la nemateria estulino, kiun Mijs kreis por si mem per la plej rava, kion li trovis en siaj libroj, kaj per la plej viglaj imagoj, kiuj ekfloris en lia juna spirito. La versfarado enhavis por li ion naive pian, kiel la ritoj de sekreta kulto.

Certe ne estis majstroverkoj, kiujn Mijs produktis, sed liaj versoj estis tamen tute aliaj ol la kutimaj larmaj plendoj, plenaj de sentimentaleco, de la „unua-pantalon"-rimantoj. Neperfekte sed sincere li elverŝis tion, kio okazis en lia gaja kaj sana spirito. Kion li revis kaj deziris, tion li vidis kiel realecon kaj li prikantis ĝin per vigla, ĝojema ritmo. Estas vere, ke en unu poemo la adorata knabino havis linbuklojn kaj en alia korvbuklojn, kaj ankaŭ en unu bluajn kaj en alia karbnigrajn okulojn, sed en ĉiuj estis ĉiam la dezirata, ankoraŭ nereala virino, la loga „ewig weibliche", kiun lia juna koro sincere kaj senmalice prikantis.

La poezia obsedo grave okupis Mijs. Komence li interrilatiĝis kun la Muzoj nur en sia studoĉambreto, sed baldaŭ li riskis ankaŭ rimi kaj skandi en la desegnoklaso kaj dum la teda aritmetika kurso de la Urso.

Estis ja ja je fino de la studojaro, kaj multan gravon oni ne plu efektivigis. Mijs lasis do ludi la aliajn kun sinusoj kaj kosinusoj kaj malantaŭ amaso da libroj, nu, li rimis sur peceto de papero.

Lia kanteto estis finita, sed per krajono li faris super la versojn linietojn kaj krampetojn por certiĝi ĉu la triopa mezuro, kiun li ĉi tiun fojon elektis, estas ĉie nekritikebla.

Bollekens rimarkis tion. La linietoj kaj krampetoj certigis lin. Mijs faras poemon. Tio estis ridiga ! Mijs „pojeto" ! La vizaĝo de Bollekens heliĝis de ĝojo kaj, sen atento pri la Urso, li ekstaris por ke li povu legi la poemon. Kiam Mijs tion rimarkis, li koleriĝis kaj forpuŝis la troscivolan, ĝenan Bruselanaĉon. Tio kaŭzis tuj egan moviĝadon.

Ĉiuj knaboj sin turnis kaj la Urso venis de malantaŭ sia katedro.

— Li faras „pojemon"! — ridante diris Bollekens, kiu prenis la paperetón de Mijs kaj ĝin suprentenis.

Mijs tiris ĝin el liaj manoj kaj disŝiris ĝin.

— Nu ! Nu ! akre parolis la Urso, donu al mi tiun paperon !

Mijs kuraĝe klopodis malebligi ke la Urso ĝin ekkaptu, sed vane, la ursungego baldaŭ tenis la poemon. Tre embarasita Mijs ankoraŭ ne estis. La Urso estis ja Valono kaj ne multe komprenos de liaj flandraj versoj, li esperis . . .

La Urso metis la disŝiritajn paperpecetojn sur sian katedron unu apud la alian kaj klopodis tutigi ilin kiel „puzlon". Tio ne facile efektiviĝis, sed tamen li opiniis ke li sufiĉe sciis por abrupte paroli kun indigno al Mijs. Sur unu de la paperetoj li legis laŭte kun komika akcento:

— „Mi vidis kaj kisis vin !" La tuta klaso ekridegis, kio igis la Urson ankoraŭ pli kolera. — Do estas tio kio sensaĝigas vin, sinjoro Mijs ! Estas malinde ! Forlasu tuj la kurson!

Bollekens, kiu tuj eksentis kian stultaĵon li estis farinta, volis savi Mijs. Li pledis kaj petegis, sed la Urso ne kompatiĝis. Mijs estis forpelata tra la pordo kaj la disŝirita poemo transdonata al la liceestro.

Dum la paŭzo, dum Bollekens ricevadis de siaj kamaradoj kelkajn punajn boksbatojn kaj kvazaŭ izolite en kvaranteno ĉirkaŭiradis kun konsciencriproĉo, la afero Mijs estis enketata per la studoprefekto en la ĉeesto de la Urso. La akuzo estis kvarobla : malatento, malobeo, perforta, kontraŭstaro, kaj . . . jes, kvankam la lasta peko ne estis certe, klare nomita, ĝi tamen plej peze surprenis sur Mijs.

La studoprefekto ja rapide solvis la „puzlon" de la disŝiritaj paperetoj kaj la „corpus delicti" kuŝis antaŭ li kiel nepridiskutebla akuzo. Tiel estis la poemo de Mijs :

Mi vidis kaj kisis vin, karegulin',
Parolis pri amodoloroj,
Kaj en mia koro, brulanta en sin',
Ekfloris ja miloj da floroj.

Kaj inter la floroj resonas la kant'
De gaje fajfanta birdeto,
Kaj tie interne kun daŭra konstant'
Ĝi sonas kun dolĉa diskreto.

Por vi, amatin', mi ripetos ja ĝin,
— Ĉar ĝin mi neniam forgesos —
Tuj kiam denove renkontos mi vin
Kaj mi viajn harojn karesos.

— Estas bele, sinjoro Mijs ! — komencis la liceestro kaj li detale ekparolis per severaj, solenaj vortoj pri la ekscesa malseriozeco kaj malbonmoreco, kiujn la poemo pruvis. Ha, li ne malaprobis la nuran versfaradon, li ankaŭ faris tion dum sia licetempo, — tradukojn kaj parafrazojn el Ovidius kaj Virgilius ! Sed la spirito de la poemo de Mijs estis tute malbona kaj konjektigis la plej gravan pri la bonmoreco de ĝia aŭtoro. La liceestro ege kompatis patron Mijs, kiu certe ne meritis tian filon.

Ĉiuj tiuj tragediaj konsideroj ne tiom sensacie impresis Mijs, kiel la liceestro atendis. La konscio pri lia senkulpeco kaj la pureco de liaj intencoj lasis Jan relative kvieta. Kial ili devis ja kompreni tion tiel laŭlitere! Li estis neniun vidinta kaj neniun kisinta kaj al neniu parolinta pri amodoloroj . . . Sed ĉu li ja povis klarigi al la liceestro kaj al la Urso, kial li tamen tion skribis? Ili tamen nek komprenus, nek kredus tion. Li do lasis sin akuzi ne defendante sin.

Kiam Mijs venis hejmen, oni estis jam informita tie pri la okazintaĵo. Patrino ne parolis eĉ unu vorton kaj patro petis tute ne afable al Jan veni kun li en lian oficejon.

Sur la pupitro kuŝis tie ne nur la disŝirita poemo, sed ankaŭ la kajereto, en kiu Jan transskribis siajn aliajn poeziajn elverŝojn. Patro do traserĉis lian studoĉambreton, flaresploris liajn plej karajn sekretojn! Do li trovis tie ankoraŭ ion alian krom la poemeto de „Mi vidis kaj kisis vin!" Kaj se li opiniis ke la lasta estis maldeca, kion li pensos pri la resto? Nun nur Jan komprenis kiom kompromita fariĝis lia fantaziemo por li. Patro kompreneble pensos, ke Jan vere estis kulpa pri diversaj sekretaj amaventuroj. Temis ja pri promenado kun la amatineto en la „arbaron gigantan", kie ili ambaŭ tranĉis sian nomon en la „lignon vivantan"; pri „lulanta danco" kaj „rava romanco"; pri intencita forkuro al malproksimaj, nenomitaj landoj, dum kiu la forkuranta paro trankviligis sian soifon per „la akvo de la fonto" kaj nutris sin per fruktoj „kreskantaj sur la monto"; pri remekskurso en „belega boato" en la „arĝenta lunbrilado". Jan konfesis per tio, ke li estis vera Don Juano.

Patro Mijs estis ja saĝulo. Li nur riproĉis al sia filo ke li vante perdas sian tempon per tiaj malgravaĵoj, je la malprofito eble de liaj gravaj studoj. Kontraŭ tio Jan povis certigi, ke tio ne estis la fakto. Li ja sciis ke li por la ekzamenoj de la lasta jarkvarono multe laboris kaj ke la rezultatoj estos bonegaj.

Pri tio kvietigite, patro Mijs malmulte parolis pri la maledifo de la versoj de Jan. Li nur demandis kun penetra ironio, ĉu estas permesate al li koni la knabinon, kiu tiel frenezigis lian filon.

— Ho patro, tiu knabino ne ekzistas! — respondis Jan konfuze.

— Ne estas kialo por kaŝi la veron, — insistis ankoraŭ patro Mijs. Mi tre bone komprenas, ke knabo kiel vi povas pensi pri knabino, sed mi nesciaś kial tio devas resti sekreto por mi . . . Ni tamen estis ĉiam bonaj amikoj, ĉu ne, Jan?

Tiuj bonaj, seriozaj paroloj tiom tuŝis Jan, ke al li, nervoza pro ĉio kio okazis, venis larmoj en la okulojn.

— Mi sincere diras la veron al vi, patro. Tiu knabino ne ekzistas.

Patro ne plu insistis. — Jan skribis siajn puntaskojn por la Urso kaj la liceestro kaj oni ne plu parolis pri la okazintaĵo. Nur la patrino, kiam patro parolis al ŝi pri la afero, rimarkis kun konstanta ĝemetado.

— La knabo legas multe tro da libroj! Mi ĉiam diris tion . . .

Post la premidisdonado, kiu estis por Jan triumfo, patro Mijs parolis same :

— Nun fermu ĉiujn librojn kaj por tre longa tempo ! Vi iros en la kamparon, kaj tie vi promenos, biciklos, naĝos, faros ĉion kion vi deziros sub libera ĉielo ĉe kuzino Selica en Wijnvoorde, en ŝia malnova granda kampobieno. La kuzino estas sciigita kaj akceptos lin per malfermitaj brakoj. La pakaĵoj de Jan estis aranĝataj kaj la sekvintan tagon Jan forveturis al sia feriejo.

Kuzino Selica estis eksterordinare kontenta pri sia gasto. Li jam pli frue devus esti veninta por pasigi tie siajn feriojn. Dum kvar jaroj ŝi ne plu vidis lin. Ili ja fremdiĝas unu por la alia !

Kaj tio estis prava. Kuzinon Selica mem Jan ankoraŭ ja rekonis, ŝi restis neŝanĝita, la bonkora, fortika, flandra kamparsinjorino kiel antaŭe, sed ŝia filino, kuzineto Finjo, estis tiel metamorfozita, ke Jan ne povis kredi siajn okulojn. Ĉu tiu estis la sensignifa knabino pri kiu li antaŭ kvar jaroj tute ne atentis? Ŝi fariĝis vera fraŭlino, roza blondulino kun malicaj okuloj, en kiuj ridante kaj alloge brilis fajrero de „mi-scias-ion", kiu tuj imponis Jan. Kaj kiel urba ŝi estis laŭ vestado kaj manieroj ! . . . La edukpensiono mirinde sennaivigis la kamparineton el Wijnvoorde.

— Nun vi kune povos praktiki vian francan ! diris al ili kuzino Selica. Parolu ĝin ja la tutan tagon.

Sed estis multe pli ofte ilia dolĉa flandra kiun ili parolis. Jam de la unua tago ili estis bonegaj kamaradoj. En la ĝardeno, kie estis nun meze de rikolttempo de abrikotoj, grosoj kaj tiel plu, ili estis ĉiam kune. La unu ne povis esti sen la alia. Pli ol unufoje, kiam ili vagis inter la maljunaj fruktarboj kaj fagoj, kiuj tie iomete sovaĝe kaj dense kreskis, kaj ili iom ripozis en la ombro, ili ridetis unu al la alia ne sciante kial, sed kun kreskanta ĝojo en la koro.

Jan estis vundinta sian manon per dorno kaj Finjo flegis lin kun kortuŝo, kiu tuŝis Jan mem. Ŝi lavetis la skrapvundeton kaj poste per sia propra naztuko bandaĝis ĝin kaj senĉese ŝi demandis al Jan ĉu li ankoraŭ suferas. En ŝia kompatema voĉeto kuŝis dolĉeco, kiu ravis Jan.

La sekvintan tagon, je vesperiĝo ili estis venintaj al la malnova, vermotrua balancilo je la fino de la ĝardeno. Ili eksidis sur ĝin, unu apud la alia, tre dolĉe balanciĝante, kvazaŭ nesciante kion ili faras. Apud ili, malantaŭ la arbetobaro, kuŝis la kapelo de la monaĥejo, tute kovrita per hedero, en kiu arego da birdoj vesperkantis. La suno disĵetis lastan orbrilon trans la rosvarmetan ebenaĵon de la herbejoj antaŭ ili. Ili ambaŭ revante rigardadis la ankoraŭ videblan duonon de ĝia bruleganta disko.

La kapo de la kuzineto kliniĝis sur la ŝultron de Jan kaj iliaj manoj senserĉe trovis unu la alian. La balancilo pendis streĉe senmove. La lasta brileto de la suno foriĝis. Ĉiam pli mallaŭte kantetis la birdoj, ĝis fine ili eksilentis.

Tiam Finjo metis siajn brakojn ĉirkaŭ la kolon de Jan kaj flustris en lian orelon ne rigardante lin :

— Jan, mi tiel amas vin !

La kapo de Jan turniĝis kaj li ne sciis ĉu li maldormas aŭ sonĝas, kaj ĉio kion li trovis por diri estis :

— Finjo, malheliĝas . . .

— Ho, tio ne gravas, Jan. Diru al mi ĉu ankaŭ vi amas min . . .

— Ho treege, Finjo !. . . .

Kaj ili kisis unu la alian je la unua fojo.

Tiam ili sentis kiel sankte kaj grande kuŝis la trankvilo ĉirkaŭ ili kaj ili ne plu parolis . . . Malrapide ili marŝis hejmen apudege unu al la alia sur la malglata vojo en la densa ombro de la arboj.

Patro Mijs baldaŭ spertis, ke la kamparaero ne estis pli bona ol la urba aero por la amemo de lia filo. Jan rakontis kelkajn monatojn poste, ke nun vere ekzistas knabino, kiu lin tiel kaj tiel . . . Kaj la patro aprobis !

Unu profito estis akirita. Depost la vespero sur la balancilo, Jan fine sciis, por kiu li faris siajn versojn.

*Kun aŭtora permeso el la flandra :*
Jan van Schoor.

---

# V I K T I M O J

*R O M A N O  E L  L A  V I V O  D E  S I B E R I A J  M I L I T K A P T I T O J*

**J U L I O  B A G H Y**

## SESA ĈAPITRO

La suno jam estis ĉe la zenito, kiam iu forte ekfrapis.

Marusa kuris al la pordego.

— He! Kiu? — ŝi demandis.

— Doŝky! — estis la respondo.

Marusa malfermis la pordegon kaj Doŝky eniris. Li aspektis iom komike. Manlarĝa ruĝa rubando, kiel ega banderolo, estis ĉirkaŭligita sur lia talio kaj ruĝa kvinpinta stelo koketis sur lia ĉapo. En la maldekstra mano li tenis pakaĵon kaj leterojn, per la dekstra li kondukis proksimume dujaran infaneton.

— Ĉu sinjoro Bardy estas ankoraŭ tie ĉi? — li demandis.

—Jes! Li ankoraŭ dormas.

— Ĉu li dormas?... Hahaha! Nu, veku lin, Marusa! Veku lin, mi devas paroli kun li.

Marusa scivole rigardis la infanon.

— Kies? — ŝi demandis.

— Mi ne scias! Dio sendis lin, — respondis Petro karesante la kapeton de la infano.

Marusa ekĝemis.

— Ho! Dio! Li vizitis nin ĉi nokte.

— Kiel? Kio okazis?

— La sinjoro... la sinjoro...

Marusa ne povis daŭrigi, ploro sufokis ŝiajn vortojn.

Petro nerve urĝis ŝin.

— Kio okazis, parolu!

— La sinjoro mortis, — ŝi respondis preskaŭ blekante.

Petro konsterniĝis. Dum kelka tempo li eĉ ne povis ekparoli.

— Oni mortigis lin!... Nepre oni mortigis lin! — kriadis la bona knabino.

— Kie? . . . Eh! Sensencaĵo! La reĝimŝanĝo okazis sensange.

— Sinjoro Bardy diris tion al mi, hieraŭ vespere, kiam la sinjorino volis mortigi sin... Ho, Dio, vi tre vizitis nin!

— Kion vi diras? La sinjorino volis...

— Jes! Jes! Ankaŭ ŝi volis morti... Kaj sinjoro Bardy eltordis la revolveron el ŝia mano...

— Terure!

Petro staris senmove, rigidiĝinte. La knabino ĉiam pli kaj pli laŭte ploris kaj ploris.

— Dio vizitis nin!... Ho kia malfeliĉo... La sinjoro estis tiel juna kaj brava... Li donacis al mi Kristnaske novan antaŭtukon. Tiun ĉi antaŭtukon, kiun mi nun havas sur mi kaj... kaj... li donis eĉ dek rublojn... Li estis tre pia homo... Tia estas la sorto. La bonaj devas morti kaj la malbonaj restas vivantaj... Sed mi ja antaŭsentis la malfeliĉon, ĉar mi sonĝis... Jes, jes... sinjoro Doŝky, mi sonĝis, ke la sinjoro...

Petro interrompis la tedan virinan plendadon.

— Iru, Marusa, kaj veku sinjoron Bardy... Nu, ne ploru! Kio okazis, tio jam okazis, ni nenion povas fari kontraŭ la sorto... Nu, iru, Marusa!... Ne ploru tiel korŝire, ĉar... Ne ploru!... Nu!

Ili ekiris al la vestiblo. Ĉe la pordo de la kuirejo Petro transdonis la infanon al la bona knabino.

Kies infano? — ŝi demandis levante la infanon al sia brusto.
— Mi diris ja, ke mi ne scias...
Marusa iris en la kuirejon kaj Petro malfermis la pordon de la vestiblo. El la ĉambro aŭdiĝis egala spirado de dormanto. Singarde, senbrue li paŝis en la ĉambron.
En la ĉambro estis ankoraŭ mallumo, la fenestrotabuloj estis fermitaj. Petro serĉis alumeton, kaj dank'al ĝia lumo li trovis la butonon de la elektra lampo. Li turnis ĝin, kaj ĉirkaŭrigardis.
Johano dormis sidante en fotelo antaŭ la skribotablo. Lia kapo estis malsuprenklinita, lia mieno trankvila.
Petro tuŝis lian ŝultron.
— Johano!
Johano vekiĝis kaj konfuzite rigardis la vizaĝon de sia amiko. Poste frotante siajn okulojn li demandis mallaŭte.
— Kial vi venis?
— Kial mi venis? Mi havis timon pri vi. Dum la nokto estis reĝimŝanĝo kaj oni ne povis scii, kio okazos...
— Jes! Oni ne povis scii, kio okazos... — ripetis Johano kun rezigno.
Silento. Johano meditante rigardis antaŭ sin. Petro ektusis.
— Ĉu vere, ke oni mortigis la sinjoron prokuroron?
— Kiu diris? — demandis Johano surprizite.
— Marusa.
— Marusa scias nenion. Marusa estas malsaĝa kreitaĵo.
— Vi diris al ŝi.
— Mi?!
— Jes! Vi diris, ke la sinjoro mortis.
Johano penis rememori. Senpacience li komencis tamburi sur la brakapogilo de la fotelo.
— Marusa estas malsaĝulino... Li forkuris kaj nenio pli... Nu!
— Kial vi diris do, ke la prokuroro mortis?
— Kial mi diris? Mi nem ne scias... Jes. Mi scias. Ĉar li vere mortis en la koro de sia edzino... Nu!
— Kaj pro tio ŝi volis mortigi sin?
— Kiu diris tian stultaĵon?
— Marusa!
— Marusa kaj ĉiam Marusa!...
— Ĉu ne vere do?
— Ne! Ne! Ne!... Nu!
Petro rimarkis, ke lia amiko estas tre nerva kaj, ke tiu ĉi nerveco kaŝas ion. Li ekiris al la pordo.
Johano haltigis lin.
— Kien vi volas?
— Hejmen.
— Ĉu vi venis kaj vi volas jam foriri?
— Mi vidas, ke mi venis en malĝusta tempo?
— Kial?
— Vi estas tre nerva...
Johano nun rimarkis la ruĝan rubandon de la amiko. Li ekkriis.
— Ĉu ankaŭ vi soldatiĝis? Malfeliĉulo!
Petro gaje ekridis.
— Ah! Kion vi pensas? Hieraŭ mi pruntedonis mian pasporton al iu kaj hodiaŭ, por sekure atingi la urbon mi prenis la „rubandon de diplomato" el la teatra vestaro. Ĝi imponis.
Johano malgraŭvole ekridis.
— Petro! Vi ĉiam havas strangajn ideojn.
— Mi volis nepre renkonti vin, ĉar krom la timo mi havas ankoraŭ ion alian por vi.
— Kion?
— Poŝto venis por vi.
Johano kun subita ĝojo saltleviĝis.
— Kie? Kie? Donu!... Ĉu ĝi venis de hejme?
— Ne! — respondis Petro iom malgaje.
Johano residiĝis.
— Jam de ses monatoj ne venis eĉ unu linio. La lasta estis sen alparolo kaj subskribo.
— Eble estas malpermesite skribi pli.
— Bone... bone, Petro! Nur konsolu min! Mi sentas, ke hejme jan enterigis nin la distanco kaj la tempo.
— Vi estas tro imagema!
— Konsolu min, Petro! Nur konsolu! Sed klarigu al mi, kial ricevas la aliaj longajn leterojn. Kial iliaj geamatoj estas pli eltrovemaj ol la miaj? Kial ili uzas ĉiun rimedon por sendi sciigojn al la edzoj, patroj, fratoj, fianĉoj... Kial nur mi estas duonfilo de la sorto? Jen estas Dogler! Li ricevas preskaŭ ĉiusemajne leteron de sia edzino... Kial?
Petro ne povis respondi. Li havis pensojn, kiujn li ne kuraĝis diri.

— Cetere, de kie venis la leteroj?
— Unu pakaĵo kaj du leteroj... Vi tamen ĝojos...
Petro iris en la vestiblon, kaj post momento li revenis. Pakaĵon kaj leterojn li metis sur la skribotablon.
Johano rigardis ilin. Subite sincera ĝojo montriĝis sur lia vizaĝo.
— El Svisujo — li kriis surprizite. — Libroj! Esperantaj libroj kaj jurnaloj. Ho kiel mi ĝojas! Petro, veraj libroj. Nutraĵoj por la cerbo... Ho Dio mia! Petro, rigardu! Kiel belaj, kiel valoraj!
Johano sinforgese ĝojis. La librojn kaj jurnalojn li karesis per tremantaj manoj. Li eĉ forgesis pri la leteroj.
Petro kortuŝite rigardis la naivan ĝojon de sia amiko.
— Nu kaj la leteroj? — li demandis.
Johano estis vere ekscitita. Rapide li foliumis la librojn, kvazaŭ volante tuj ekkoni ilian enhavon.
— Tuj! Tuj! — li respondis kaj prenis la poŝtkartojn.
Li legis. Dum la legado ankoraŭ pligrandiĝis lia aklama ĝojo.
— Poŝtkartoj de miaj iamaj korespondantoj. Jen, ili eksciis el niaj gazetoj, ke mi estas militkaptito. Ho kiel ĉarme ili skribas! Kiom da delikateco!... Petro!... Petro! Rigardu!
— Mi ne komprenas!
— Sed vi devas kompreni la homan senton, kiu diktis ĉi tiujn liniojn. Unu el Anglujo kaj la alia el Fracujo... Jen vidu! Tia estas la malamikeco artefarita! Nia movado savos la mondon. Mi diras tion al vi.
Petro malgaje ridetis kun duba mieno. Johano rimarkis tion.
— Eh! Vi estas skeptikulo! Vi volas rompi mian ĝojon.
Petro tre milde rigardis sian amikon.
— Ne, Johano! Tiu ĉi kurba rideto havas alian kaŭzon. Mi estas kortuŝita de via ĝojo kaj kredo. Sed, bone konante vin kaj vian entuziasmon, mi ĉiam timas, ke vi havos fatalan seniluziiĝon. Trompiĝoj atendas vin en la vivo. Vi estas tro sentema por fariĝi vere feliĉa.
Johano iom pripensis.
— Vi estas prava, Petro! Mi estas revulo, mi vivas en sonĝoj. Se iu forprenus de mi tiujn ĉi sonĝojn, kiuj fariĝis mia vivcelo, mi nepre mortus. Vi estas prava, Petro! Multfoje mi sentas, ke mia vivo estas nur kartfortikaĵo, kiun mi konstruis sur sonĝfundamento, por ke mi ne estu senĉese turmentata per la vido de la ruinoj. Vi estas prava kaj tamen, tamen...
Petro prenis seĝon por si kaj sidiĝis apud Johano.
— Johano! Mi ne volas disŝiri viajn iluziojn, sed — vi tute ne konas la homojn. En la mondo de viaj revoj ili estas vestitaj per la brilo de tiu ĉi mondo, ili parolas ian lingvon fean, havas korojn diafanajn kaj sentojn kristalajn. Kaj en tiu ĉi konstanta vizio vi iras preter la realo, ne vidante, ke la koroj estas kovritaj per malpuraj sekretoj, ke tiu kristalo havas makulojn. Vi faris el via koro altaron kaj metis sur ĝin la Virinon...
Johano interrompis lin.
— Mi metis sur la altaron la solan virinon, kiun mi amas: mian edzinon.
— Kaj vi mortigas ŝin.
— Mi ne komprenas vin.
Petro rememoris pri Dogler, kiu, post la fatala sortbato, nun kuŝas sur sia litbenko en plena apatio. Li volis rakonti ĉion al Johano, sed vidante antaŭ si la reveman homon li eksentis grandan kompaton kaj tiu ĉi sento fermis liajn lipojn.
Johano ridetis.
— Nu kial vi ne klarigas vian strangan aserton?
Petro iom pripensis kaj ekparolis.
— Ne miskomprenu min, Johano! Mi estimas vian edzinon, kvankam mi ne konas ŝin. Mi estimas ŝin, ĉar ŝi estas via edzino, sed mi devas diri, ke vi ne amas ŝin... Pli ĝuste, vi ne ŝin amas, sed iun alian, iun imagitan estaĵon, kiun vi levis sur piedestalon de la perfekteco... La virino„ kiu okupas la altaron de via koro, ne estas plu via edzino, la tera kaj eraremа virino, sed idolo, kiun vi kreis por vi laŭ la eksteraĵo de via edzino. La tre sopirata revido povos depuŝi la idolon kaj frakasi ĝin en pecojn. Sed tiam ne malbenu la sorton, ĉar viaj sonĝoj mortigis ŝin.
Johano silentis. Profunde lin impresis la vortoj.
Petro daŭrigis.
— Jam de longe mi atentas vin kaj mi devis konstati, ke en vian koron enŝteliĝas la bildo de alia virino. Ŝi estas mem la pulsanta vivo kaj via edzino vivas nur en viaj sonĝoj. Kontraŭvole vi faras komparon. Ju pli reala estas la unua, des pli fariĝas sonĝbildo la dua, ĝis kiam ŝi ŝajnos al vi sanktulino... Sed la realo, la renkonto nuligos viajn revojn...

— Vi aludis pri Katja. Ĉu ne? — demandis Johano malgaje.

— Jes!

— Vi eraras, Petro. Mi ne amas Katjan... Mi tute ne amas ŝin...

Petro montris al la pordo de la dormoĉambro, el kiu aŭdiĝis brueto.

Johano volis ankoraŭ diri ion, sed Marusa venis en la ĉambron kaj portis la samovaron.

— Ah! Sinjoro Doŝky! — komencis ŝi kaj ekĝemis. — La knabeto ĉiam demandas pri sia patrino. Kion mi diru al la etulo?

Doŝky leviĝis kaj ekiris al la pordo.

— Pri kia infano vi parolas, Marusa? — demandis ŝin Johano.

— Pri la mia! — rapidis respondi Petro kaj iris el la ĉambro.

Johano mirigite sin turnis al Marusa.

— Kies infano?

— Mi ne scias... Ankaŭ sinjoro Doŝky ne scias...

Doŝky revenis kun la infano sur la brako. La infano estis ĉarma. En liaj grandaj okuloj brilis larmoj de ĵus ĉesinta ploro.

Doŝky ridetis jen al la infano, jen al Johano.

— Nu, kiel li plaĉas al vi? — li demandis.

— De kie vi prenis tiun ĉi bubeton?

— Dio lin sendis al mi, aŭ la reĝimŝanĝo, se tiel pli bone al vi plaĉas.

— Kion vi volas fari kun li?

— Provizore nenion, ĉar mi ne scias, al kiu li apartenas. Mi pensis, ke la sinjorino estos tiel bona kaj donos al li iom da varmo el sia hejmo.

— Kial la sinjorino? Kial ne ni?

Dosky ekridis.

— Terure naiva vi estas, Johano! Ĉu vi opinias, ke la rusoj lasus ĉe vi infanon?

# KORO

*Apsesdels*

*I.*

*Manon etendis mi,*
*petis almozon:*
*donacu la koron,*
*al soifanto de amo kaj vero —*
*la koron! —*
*Kvazaŭ hakilon en arbon vivantan*
*vi hakis:*
*en manon korgrandan orpecon*
*vi metis:*
*Foriru, almozulo!*

*II.*

*Hodiaŭ krucumis ni*
*— divenu? —*
*pugnograndan*
*ruĝan viandopecon vivantan, —*
*koro ĝi nomis sin,*
*homkoro — —*
*ĝin krucumis ni.*
*Ĝi — nur imagu! —*
*forrabas liberon,*
*nin ligas per amo! —*
*ĝin krucumis ni!*
*Kaj kiam jam ĉiuj dise foriris,*
*sur kruco sidiĝis korvo*
*kaj iu forgesis la hundon, —*
*ĝi lekis la krucon kaj bojis la korvon.*

El la latva: R. Eichenbaums.

— Kial ne? Mi havas bonajn konatojn en la urbo kaj per ilia subteno mia petskribo al la komandantaro de la militkaptitejo nepre havos favoran akcepton... Nu!

— Ho vi, naivulo!

La senĉesa ridado de Doŝky incitis Johanon. Nerve kaj ofendite li turnis sin de li.

— Eh! Vi ne havas koron, Petro!

La rido de Petro nun kvazaŭ eksplodis. La infanon li metis sur la kanapon kaj li mem iris ĉirkaŭpreni Johanon.

— Johano, Johano! Vi, nekuracebla revulo! En via mizero vi volas ankoraŭ revi pri novaj zorgoj. Vi estas, kiel la sentema bovino, kiu blekas je sia forprenita ido kaj vidante fremdan bovideton jam estus preta mamnutri ĝin anstataŭ la sia.

— Dankon por la trafa komparo!

— Volonte!

— Vane vi ridas. Petro, ĉar malgraŭ ke vi estas cetere bona knabo, tamen vi ne havas koron por la infanoj.

La infano ekploris. Doŝky kuris al li kaj per mallertaj grimacoj, per ŝercaj petolaĵoj li sukcesis ĉesigi la ploron.

Marusa, kiu nenion komprenis el ilia hungara interparolo, ekĝemis kortuŝite:

— Sinjoro Doŝky havas bonan koron!

Doŝky ekridis. Johano grumblante, sed jam paciĝinte rimarkis.

— Marusa, vi ĉiam parolas malsaĝaĵojn.

La pordo de la dormoĉambro malfermiĝis. La sinjorino venis en la ĉambron. Ŝi afable ridetis al Doŝky kaj etendis sian manon, sed Doŝky estis tre okupata per la infano, kiu kaptis lian nazon kaj kruele tordis ĝin.

— Kies infano? — ŝi demandis.

— Por sincere konfesi, sinjorina moŝto, mi ne scias. Hodiaŭ frumatene mi trovis ŝin antaŭ mia barako, sur la vojo, kiu kondukas al oriento. Dumnokte ni havis ian malagrablaĵon. Unu el niaj samĉambranoj malsaniĝis kaj mi ne povis bone dormi.

— Kiu? — demandis subite Johano.

— Dogler.

— Kial?

Doŝky iom meditis.

— Ne grave!... Mi eĉ ne senvestigis min kaj frumatene, por refreŝigi mian kapon, mi iris promeni. Post kelkaj paŝoj min haltigas granda bruna pakaĵo sur la vojo. Mi aliras, rigardas ĝin, kaj vi povas imagi mian surprizon: En varma lana tukego kaj soldata pelto kuŝis tie — tiu ĉi infano. Li estis duone frostiĝinta. Mi kuris kun li al la kuracista barako kaj feliĉe ni baldaŭ sukcesis revarmigi lin.

Johano metis sian manon sur la ŝultron de Petro.

— Tamen vi havas koron, Petro.

La virino rigardis la vestojn de la etulo.

— Mi opinias — ŝi diris — ke la infano estas el bona familio. Almenaŭ la vestetoj estas delikataj.

— Ankaŭ mi tiel opinias.

La virino kompate rigardis la etulon.

— Marusa! Ĉu vi donis lakteton al la infano?

— Jes! — respondis Marusa.

— Alportu ankaŭ Fedja en la ĉambron. Ili bone ludos kune.

Marusa iris en la dormoĉambron.

— Ĵus mi volis peti vin, sinjorina moŝto, ke vi prenu sub vian protektadon ĉi tiun malfeliĉan etulon.

Marusa venis kun la malgranda Fedja, kiu vidante la fremdan samaĝulon, ĝoje ekkriis. Marusa sidigis lin apud la alian. La virino Johano kaj Petro dume interkonsilis. Ili decidis, ke la infano restos en la domo, ĝis kiam la gepatroj anoncos sin. Tiel, babilante, kvazaŭ nenio estus okazinta dum la nokto, ili sidiĝis al la tablo por matenmanĝi. Doŝky ne interesiĝis pri la edzo, la virino ne menciis lin kaj Johano zorge evitis ĉi tiun temon.

En la vestiblo aŭdiĝis botfrapetado. Iu tre zorge frotis la plandojn sur la tapiŝeto.

La virino alkriis.

— Kiu ?

En la pordo aperis la humila figuro de Ivan Nikolaeviĉ. Liaj krispaj haroj estis zorge kombitaj, sed la postsignojn de la edzina karesado li ne povis malaperigi. Ili paradis en longaj strioj sur lia vizaĝo. Dum la parolo li kelkfoje balbutis kaj tiam li helpis sin per rapide sinsekvantaj palpebrumoj.

Envenint̂e li salutis la societon, poste turnis sin al la ikono en la angulo kaj faris kelkajn krucsignojn.

— Kio nova, Ivan Nikolaeviĉ ? — demandis la sinjorino. — Prenu seĝon kaj sidiĝu al la tablo!

Ivan obeis al la invito kun oftaj klinoj.

La virino pretigis por li tason da teo.

— Trinku, Ivan Nikolaeviĉ ! — ŝi diris.

— Dankon.

Ivan transprenis la taseton da teo kaj verŝis el ĝi iom en la telereton por malvarmigi ĝin. Li trinkis kelkajn glutetojn el la telero, sed vidante, ke neniu trinkas tiamaniere, ankaŭ li imitis ilin.

Longa silento. Ivan trinkis, la aliaj ŝtele rigardis lin. Fine la virino ekparolis.

— Ĉu vi havas ion por mi, Ivan Nikolaeviĉ?

Ivan ekrigardante la virinon profunde ĝemis. La virino interesiĝis plu.

— Ĉu okazis akcidento?

Ivan ektusis, rigardis la du militkaptitojn kaj iom ĝenite komencis la paroladon.

— Mi portis al vi, sinjorina moŝto, ion kaj, la diablo scias, mi tamen ne portis ĝin.

— Nu, ĉi tion mi vere ne komprenas.

— Ankaŭ mi mem ne komprenas. La sinjoro prokuroro bonvolis al mi doni skribon, ke mi transdonu ĝin al vi, sed la skribo malaperis el mia poŝo.

Johano kaj la virino ekridis. La bona homo verŝajne forgesis pri la dumnokta stranga poŝtservo. La virino trankviliĝis lin.

— Vi jam transdonis ĝin, Ivan Nikolaeviĉ.

Ivan surprizite ekkriis.

— Miii?

— Jes! Vi! Ĉu ne, sinjoro Bardy?

Jes! Jes! — certigis Johano, — Kiam vi hejmenvenis. Ĉu vi ne rememoras? Vi kuŝis sur la tero kaj en akompano de kantado vi transdonis la leteron.

Ivan rememoris malklare kaj ruĝiĝis pro honto.

— Jes! Mi rememoras... Mi estis iom... iom...

— Jes! Jes! Jes! — diris la virino ridetante.

— Vere mi hontas, sinjorina moŝto, ĉar mi ne kutimas drinki, sed hieraŭ, dum reveno, mi renkontis kelkajn kolegojn, kiuj drinkis je la sano de la nova reĝimo kaj ankaŭ min ili perfortis. Sed mi kraĉas je ili.

— Ĉu ili bruis tiom timige sub la fenestro? — demandis Johano.

— Ĉu ili do bruis?

— Eĉ, kiel?!

— Mi diris ja, ke mi kraĉas je ili. Tiel okazis, ke mi portis la sinjoron prokuroron per veturilo al Tockoesavsk. Pli ĝuste, mi nur pensis, ke ni devas veturi tien, sed ĉe la najbara stacio diras al mi la sinjoro prokuroro: Ivan, vi devas reveni hejmen kaj transdoni tiun ĉi skribon al la sinjorino. Mi ne iros al Tockoesavsk, mi devas iri malproksimen. Nu bone, mi pensas, li vojaĝu, almenaŭ mi ne devas tri tagojn veturi en tia frosto tien kaj tri tagojn reen. Mi volis tuj reveni, sed la sinjoro prokuroro diris, Ivan, vi devas resti ĉi tie ĝis vespero, por ke neniu eksciu, ke mi ne veturis al Tockoesavsk. Nu, bone, mi pensas, kaj je la konto de la sinjoro mi iras en gastejon por varmigi min per iom da vodki. Ni sidas kune, ĉar ankaŭ la sinjoro sidas kun mi, ĝis la plej proksima vagonaro, kiu iras al oriento. Kiam venis la tempo por foriro, la sinjoro donis al mi dudek rublojn, ke mi trinku je lia sano kaj restu en la gastejo ĝis vespero. Mi restis do kaj nenio. Mi ne multe elspezis, ĉar mi volis surprizi mian edzinon. Sed okazis alie ol mi planis... Kiam vesperiĝis...

Ivan haltis en la rakontado kaj transdonis sian tason al la virino, kiu verŝis por li teon. Ivan trinkis glutetojn.

— Kiam vesperiĝis, — li daŭrigis, — mi jungis la ĉevalojn kaj ekveturis. Jam estis tre mallume kaj mi preĝis al Dio, ĉar la sinjoro prokuroro diris, ke dum la nokto povus okazi ia malfeliĉo. Nu, mi preĝis kaj fajfis, ĉar la fajfado estas tre kuraĝiga afero en la mallumo. Nu bone, mi pensis, se okazos io al mi, tiam mi mem estos kulpa pri tio, ĉar kial mi ne restis en la gastejo ĝis mateno. Mi veturis ĝuste tra arbaro. La vojo estis hela, ĉar la luno brilis. Do, mi fajfas kaj fajfas, sed subite mi eksilentas, ĉar jen, renkonte venas alia glitveturilo, sur kiu mi vidas koleregan homon. Li batas la ŝultrojn kaj kapon de la veturigisto preskaŭ en ĉiu momento kaj terure blasfemadas. La veturigisto terure vipas la ĉevalojn kaj la glitveturilo dancante, saltante proksimiĝas al la mia. Mi ektiras la bridojn por eviti la glitveturilon, mi krias al la ĉevaloj „brrr!" Nu, jam bone, mi pensis, sed la alia glitveturilo haltas apud mi kaj la kolerega viro eksaltas, kaj tenas kontraŭ mi revolveron: „Kiu?", li krias. Terure mi ektimis, sed laŭ la voĉo, jen mi rekonas sinjoron kapitanon Medvedjuk kaj mi diras: Ivan Nikolaeviĉ Radĉenko, servisto ĉe la tribunalo. Li enpoŝigas la revolveron. Dank' al Dio, mi pensis, kaj li demandis: „Kie vi estis?" kaj mi diras, la sinjoron prokuroron mi portis al la najbara stacio. „Nu bone! Plu!" li kriis al la veturigisto kaj ilia glitveturilo ekkuris. Mi vidis ankoraŭ, ke en ĝi kuŝis lia edzino kaj ŝi treege ploris...

— Ĉu li forkuris kun sia edzino? — demandis la virino.

Ivan uzante la paŭzeton trinkis longan gluton el sia teo kaj nur poste respondis.

— Nature, kun sia edzino. Li ne kuraĝis lasi ŝin tie ĉi, ĉar oni tre koleras lin kaj facile povus okazi, ke oni venĝus sin je la senkulpa virino kaj infano... Ilia glitveturilo do forkuris kaj mi...

Petro subite interrompis lin.

— Ivan Nikolaeviĉ! Ĉu la vojo kondukas apud la militkaptitejo?

— Ĝuste tra la militkaptitejo.

Johano rigardis al Petro kaj tuj divenis lian penson. Ankaŭ la virino havis la saman penson kaj jam preskaŭ ekparolis, kiam Petro metis averte la fingron sur sian buŝon. Stranga ekscitiĝo regis ĉiujn tri.

Dume Ivan rakontis plu.

Petro tion jam ne aŭdis. Li vidis antaŭ si la kuregantan glitveturilon, kiu danckuiĝante glitas en la nokto al nekonata celo. Ĝi subite eksaltas kaj la infano, vindita en varmaj lantukoj kaj dika soldatpelto, falas el ĝi kaj restas sur la vojo. La patrino laciĝinte pro la ekscitiĝoj dormas profunde.

# BALADO

*kiun la poeto verkis pri la rido trila de sia brila Ora Sonorileto.*

*De viaj lipoj fluas flute*
*Trilanta rido; kaj la sono,*
*En ardvespera monotono,*
*Perladas dolĉe, balzamgute.*
*Ho estu al vi danktribute*
*Ĉi naiveta panegir'*
*Kantata sur maljuna lir',*
*Sed freŝe vibru en ĉi horo*
*La rusta kord' je via gloro:*
*Jen mia provo kaj sopir'!*

*Se ridas vi, la parko mute*
*Aŭskultas pri la ora tono,*
*La najtingalo-primadono*
*Jam trilas pro l' envi' balbute.*
*Ektremas la branĉar' kaj ŝute*
*Alĵetas florojn en admir',*
*Petegon portas la zefir',*
*Lilioj flustras per odoro:*
*Plu trilu al ni kun favoro,*
*Jen nia ravo kaj sopir'!*

*Elvenas Luno kaj salute*
*Ridetas ĝi al la balkono,*
*Premie pro la ridkanzono*
*Vin en arĝenton vestas tute...*
*Ho, kial daŭras nur minute*
*Kaj nekapteble per dezir'*
*La sorĉa, pura eliksir',*
*Plezura, dolĉa trilsonoro:*
*Eterna estus ĝia oro:*
*Jen mia revo kaj sopir'!*

*DEDIĈO*

*Princin' de l' koro, de l' Inspir',*
*Jen la balad' kun ritma spir'!*
*Se plaĉas ĝi al vi, trezoro,*
*Akceptu ĝin (kaj min) ĉe l' koro,*
*Ho mia Vivo kaj Sopir'!*

*K. DE KALOCSAY*

— Ĉu vi venis tra la militkaptitejo? — demandis Petro la rakontanton.

— Ne, ĉar por mi estas pli proksime preter la garnizono.

Petro en sia fantazio plektis plu la fadenojn de la nokta okazintaĵo. Li vidis antaŭ si la dolore mildan vizaĝon de la patrino, kies martira vivo tiel ofte kortuŝis lin en tiu tempo, kiam Medvedjuk loĝis kun sia familio en la tendaro. En tiu tempo naskiĝis la etulo, kiu nun sidas tute orfe tie sur la kanapo.

Li denove demandis Ivanon.

— Ĉu vi ne vidis ilian infanon en la glitveturilo?

— La diablo scias. Ilia glitveturilo kuregis, kvazaŭ ĝi estus havinta flugilojn kaj tuj malaperis en la mallumo.

Ivan rakontis kaj Petro meditis.

Li sentis ne reteneblan sopiron helpi al tiu malfeliĉa virino, kiu estas por ĉiam katenita al tiu homa bruto. Li imagis ŝian ĝojon, kiam li transdonos la infanon al ŝi, eble post kelkaj jaroj, li vidis kiel li forviŝos la ĝojlarmojn de la patrino. Li sentis, ke en lia vivo ŝi estas la unua virino, kiu vekis en li pli ol simpation.

Ivan trinkinte la lastajn gutetojn leviĝis de la tablo kaj finis sian historion.

— Ni venis el la gastejo, tion mi scias, ni ankaŭ kantis, certe, kiam ni ekiris, ni kantis. Sed kiel mi hejmen venis, tion mi tute ne povas diri. Ne koleru min, sinjorina moŝto, sed vere mi estas senkulpa ... Mi ne volis, sed oni perfortis min. Mi ne ŝatas drinki. Je mia honora vorto!

— Nu bone, bone, Ivan Nikolaeviĉ! Nenio okazis! Vi plenumis vian komision, vi transdonis la leteron kaj nenio pli ... Ĉu ne?

Ivan prenis sian felĉapon kaj estis forironta kun oftaj sinklinoj. Sed la sinjorino haltigis lin.

— Ivan! Glaseton da vodki!

La okuloj de Ivan ekbrilis sed protestante li skuis la kapon.

— Ne, ne, sinjorina moŝto. Mi ne drinkas ...

— Nu, Ivan ... — instigis lin la virino.

Ivan, kion fari, kapitulacis.

— Se vi perfortas, sinjorina moŝto . . . — li diris kaj etendis la manon al la glaseto da vodki, kiu havis gustumindan flavan koloron pro la enmetitaj citronŝeloj. — Je via sano, je la sano de la estimata sinjoro prokuroro kaj je la sano de liaj estimataj moŝtoj amikoj ...

La virino verŝis en alian glaseton kaj proponis ĝin al Johano.

— Ĉu vi volas, Johano Juroviĉ?

— Dankon! Neniam!

— Ĉu vi, sinjoro Doŝky?

— Dankon! Ĉiam! — ridetis Petro kaj trinkis.

Ivan ankoraŭ trinkis unu glaseton je la feliĉa reveno de la edzo, unu glaseton je la feliĉa hejmeniro de la militkaptitoj kaj poste, profunde klinante sin, foriris.

Kelkminuta silento. Petro sidiĝis al la ludantaj infanoj kaj kompate rigardis ilin. Johano okupis sin per siaj pensoj, kiuj vagadis denove ĉe la forlasita hejmo. La virino karesis la kapeton de sia fileto.

— Li estas do la fileto de kapitano Medvedjuk! — ŝi diris.

— Jes! De la tigro, — respondis Doŝky.

— Kial vi avertis nin por silentado? — demandis Johano.

— Mi ne volis, ke tiu ĉi bablilema kamparano eksciu, ke la filo de la tigro estas ĉe mi. Tio estus danĝera por la etulo. Eble iu vandalo ...

Petro subite eksilentis, kvazaŭ kaptite de nova ideo kaj rapide prenis sian mantelon. Johano kaj la virino mirigite rigardis lin.

— Kien? Kien? — demandis lin Johano.

— Hejmen!

Kaj li jam vestis la infanon kaj kisis la manon de la virino. Ŝi estis tute surprizita.

Petro dankis la gastamecon kaj kun la infano sur la brako li ekiris al la vestiblo. Tie li haltis momenton kaj turnis sin al ili.

— Mi petegas, sinjorina moŝto, al neniu vi diru, ke la fileto de la tigro estas ĉe mi. Al neniu!

Johano iris al sia amiko kaj retenante lin demandis.

— Kio estas al vi, Petro?

Petro post iom da konsidero, kun malgaja rideto, respondis.

— Nenio, Johano, sed mi pensas, ke ankaŭ mi komencas konstrui kartfortikaĵon sur sonĝfundamento.

Kaj preskaŭ kurante, li malaperis.

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: TRI HISPANAJ PENTRISTOJ

El la historiaj valoraĵoj de l'hispana arto eliĝas tri nomoj, ĉefaj reprezentantoj de l'nacia spirito: *Greco, Velasquez* kaj *Murillo.* Iliaj bildoj prezentitaj en ĉi tiu numero, estas netakseblaj trezoroj de la fama hispana kolektaĵo de *l'Muzeo de l' Belaj Artoj* en *Budapest.* Pro manko de loko, anstataŭ detala konigo, ni devas resumi nur la plej gravajn informojn pri ilia kreado.

La spirito de l' *Kontraŭreformacio* kunligis Hispanion kaj *Italion,* kies plej konservativa urbo, *Venecio* ofte estis vizitata de la hispanaj pentristoj. Sed la profana vivĝojo de l' Renesanco tie estis ekzilita; la religia kredo pliiĝis ĝis la plej arda mistikismo; la homoj kun neestingebla soifo ĵetis sin en la religiajn revadojn. La arto — kvankam ĝenerale religia — estis antaŭ novaj problemoj: ĝi devis okulvideble esprimi, kiel baraktas en korpaj katenoj la animo sopiranta ĉielajn plezurojn, kaj ĝi devis realigi la mondon de l' religiaj vizioj, prisonĝitan en sinforgesa stato de religia ekstazo.

La efiko de ĉi tiu mentaleco komence ne estis sentebla en la arto; ĝi ankoraŭ ne havis la necesajn teknikajn ilojn de l' esprimo. Estas mirinde, ke fremdlanda artisto estis, kiu plej profunde eksentis la animon de l' popolo kaj ankaŭ laŭ arta enhavo — valora ĉefe en nia tempo — esprimis ĝin plej bele en siaj verkoj: tiu estis la grekdevena *Greco* (Kiriatos Domenico Theotokopuli).

Li naskiĝis en *Kandia* — ĉefurbo de l' insulo *Creta* — ĉirkaŭ 1547, lia vivo ne estas sufiĉe konata, grandparte mistero ĉirkaŭas lin. En la jaro 1570. — inter nekonataj cirkonstancoj — li vojaĝis Venecion kaj tie li iĝis disĉiplo de *Tiziano.* En liaj bildoj tie kreitaj estas senteblaj la efikoj ankaŭ de *Tintoretto* kaj *Palma.* En 1576. li ŝipveturis Hispanion kaj loksidiĝis en *Toledo.* Li mortis tie la 7-an de Aprilo 1614.

Liaj plej multaj bildoj nuntempe estas en la *Madrid' a Prado* kaj en Toledo' aj preĝejoj. En la *S. Tomé* estas videbla la *Enterigo de grafo Orgaz,* unu el la plej famaj kreaĵoj de Greco. Ĉi tiu bildo konsistas el du partoj: la malsupra parto prezentas al ni la enterigon kaj la supra la akcepton en la ĉiela kortego. *St. Aŭgusto* kaj *St. Stefano* tenas la senvivan korpon de la grafo, ĉirkaŭate de funebranta amaso de pastroj kaj nobeloj. Supre ni jam vidas la grafon en la ĉiela regno, antaŭ Kristo, Virgulino kaj feliĉuloj, petanta eniron. La figuroj estas fantomaj, askete ellongiĝintaj; la reala kaj la transcenda miksiĝas ĉi tie en tiel timige sovaĝa patoso, ke multaj artkritikistoj supozis, ke Greco perdis sian menson kaj en tiu tempo li jam estis *frenezulo.*

Laŭ la supozo de *Theophile Gautier* Greco timis, ke oni kredos lin imitanto de Tiziano — kaj ĉi tiu manio pelis lin al la plej strangaj fantasmagorioj. Nia tasko ne estas esplori ĉi tiun demandon. Ni povas konstati nur, ke ĉi tiu bildo de Greco iĝis antaŭpeco de la hispanaj *viziaj bildoj.*

La arton de l' XVI. centjara Hispanio ĝenerale karakterizas la transplantado de l' itala *klasikismo;* la efiko estas facile rimarkebla en la skoloj de *Sevilla.* Sed grava ŝanĝiĝo sekvis en la komenco de l' XVII-a jarcento: per la bildoj de Ribera, vivinta en Neapoli, metis sian fundamenton ankaŭ *la naturalismo.*

La pentristoj de ĉi tiu epoko multe meditadis pri la vera arto kaj tiel ili estis fidelaj sekvantoj de la italaj majstroj. *Pacheco* verkis libron pri artaj demandoj: *La pentrarto, ĝia antikveco kaj grandeco,* Sevilla, 1649. En ĉi tiu libro Pacheco primemoras siajn samtempanojn kaj laŭ valoro — post *Romulo Cincinato* kaj *Rubens* — li donas la trian lokon al *Velasquez.*

Post la studjaroj ĉe *Herrera,* Velasquez (1599—1669) venis en la atelieron de Pacheco. *„Diego de Sylva Velasquez* — diras Pacheco — mia bofilo, posedas la trian lokon, kun plena rajto. Post la edukado kaj instruado, daŭrintaj 5 jarojn, mi geedzigis lin kun mia filino, ĉar estis je mia ĝojo lia virteco, afableco kaj simpatia karaktero, krome la espero, kiun estigis lia granda talento gajnita de la Naturo. Ĉar la majstro havas pli grandan gloron ol la bopatro, mi kredis justa rifuzi la kuraĝegon de iu, kiu volis alproprigi ĉi tiun gloron kaj forrabi la kronon de miaj lastaj jaroj." (Verŝajne Herrera.) „Mi ne hontas, ke la disĉiplo superis sian majstron, — mi diras nur la veron, kia ne ekzistas pli granda."

En la aprilo de la jaro 1622. Velasquez venis el *Sevilla Madridon,* jam delonge dezirinte vidi la *Escorial-palacon.* Ĉi tie li vidis ĉevalan portreton de *Karlo V.* pentritan de *Tiziano,* kiu faris al li grandan efikon. Per la propeto de Pacheco li pretigis la portreton de la poeto *Don Luis de Gongóra* kiu ekiris por li ĝeneralan sukceson. Li tre deziris pripentri ankaŭ la reĝan paron, sed li ne sukcesis iri en la kortegon. En la jaro 1623. *Don Juan D'Austria* — la onklo de *Filipo IV.* — laŭ la ordono de ĉefministro *Olivarez* prenis lin en sian favoron kaj ankaŭ sian portreton pretigis per li. „La saman tagon vespere la filo de grafo Peneranda, ĉambelano de la infanto-kardinalo, forportis la bildon en la palacon kaj post unu horo vidis ĝin la tuta kortego, la infanto kaj la reĝo, kio estis la plej granda distingo." Poste li pretigis la ĉevalan portreton de *Filipo IV.* „plene laŭ naturo, ĝis la pejzaĝo de l' fono". „Admiris ĝin la tuta kortego kaj tre enviis lin la artistoj." Oni verkis pri ĝi multajn laŭdajn poemojn kaj li iĝis la plej festata pentristo. La reĝo „donis al li atelieron en sia galerio kaj ankaŭ li mem havis al ĝi ŝlosilon kaj apogseĝon en ĝi, por vidi laŭ sia emo, kiel li pentras, preskaŭ ĉiutage. La plej granda grado de l' reĝa favoro estis, ke, kiam Velasquez pentris tiun ĉevalan portreton, li sidis por ĝi 3 horojn sen interrompo, devigante al tio sian viglan naturon kaj majestecon".

Ĉi tiuj citajoj — ĉerpitaj el la libro de Pacheco — sen troigo montras la popularecon de Velasquez kaj la admiron, ne malpli grandan.

*Murillo* (Bartolomé Estéban, 1617—1682) estis la fondinto de l' skolo de Sevilla. Dum 1642—5 li estis en Madrid, kaj per la helpo de Velasquez studis tie la arton de *Rubens* kaj *Tiziano.* En 1660 li iĝis gvidanto de l' akademio en Sevilla. Lia arto, same kiel tiu de Velasquez, havis sian radikon en la naturalismo de Sevilla. Liaj genrobildoj: *„Melonmanĝantaj knaboj", „Ĵetkubludantoj"* (en München) montras lian grandiozan kapablon por percepti la formojn de l' realo. Ĉi tiu naturalismo esprimiĝas eĉ en liaj viziaj religiaj bildoj, kiuj impresas nin des pli efike.

Tre interese estas kompari liajn bildojn kun tiuj de Greco. Greco la realon subordonis al la formoj de sia fantazio; li „ellongigas la korpojn de l' ĉielaj loĝantoj, li vidas ilin similaj al la flamoj";* liaj sanktuloj efektive estas enkorpiĝintaj spiritoj, al ni fremdaj, ne el niaj karno kaj sango; el ili ŝajnas manki la animaj signoj de l' sekseco: ili estas kvazaŭ neŭtralaj. Tian transcendan mondon Murillo ne povis atingi: sed liaj bildoj pro tio ne estas malpli grandiozaj; li restis ĉiam inter la teraj mezuroj kaj eĉ liaj plej patosaj viziaj bildoj, ĝuste pro siaj naturalismaj eksterajoj, montras komunecon al nia vivo: ili respegulas la idealigitan staton de l' enharmoniiĝintaj, belaj korpo kaj animo.



VELASQUEZ: MATENMANĜANTAJ KAMPARANOJ

* Maurice Barrés: Greco.

# OBSERVO

## APSESDELS

n la latva literaturo specialan lokon okupas nuntempa poeto-individualisto: Apsesdels. Li, unu el plej elokventaj individualistoj de l' nuntempo, estas tute aparta, tute sola, laŭ la plena senco de l' vorto. Severa kritikanto, kuraĝa kreanto kaj sprita disputanto, li akiris multajn malamikojn, dum amikojn — li tute ne havas. Neniam li estas videbla kune kun alia homo, kun neniu li interparoladas. Strange vestite, nudkape, kun longa ruĝa barbo, li estas kvazaŭ fantomo glitanta tra la stratoj de l' cefurbo dum krepuskaj horoj. Li rigardas nenien, kvazaŭ vidas nenion. Kaj tra la publiko kuras murmuro — „Apsesdels" ! Ĉiuj konas lin, multaj ŝatas liajn verkojn, sed li restas fremda por ĉiuj. Kial ? La solvon oni devas serĉi en lia literatura agado.

La nuntempa socio emas ĉiun apartenigi al iu grupo — ĉu politika, ĉu ekonomia. Kaj nur laŭ ĉi tiu aparteneco oni juĝas iun personon ŝatinda, aŭ malaminda. Kaj tial ĉiuj juĝoj de la nuntempo estas ne nur ridindaj, sed preskaŭ ĉiam ankaŭ maljustaj, nia kulturo marŝas al abismo, ĝi ne plu estas kulturo, sed barbarismo. Jen la unua punkto, kontraŭ kiu batalas Apsesdels. Kaj tute kompreneble, plejparto de liaj vortoj ĉi rilataj trafas la burĝan parton de la socio. Tial ĝi rigardas lin sia malamiko, nomas lin „apologisto de la proletariaro". Sed Apsesdels, idealisto kaj konsekvenca logikulo, ankaŭ al ĝi ne povas aparteni. Ankaŭ tie li ekvidas malĝustaĵojn, malverojn, kulpojn, ankaŭ tien li turnas sian kritikon, sian mokon. Do ankaŭ tie oni lin trovas sia malamiko, oni nomas lin anarkisto. Jen jam du malĝustaj juĝoj, kaj tiaj estis sennombraj, ĝis fine Apsesdels troviĝis laŭ la juĝoj ekster ĉiuj grupoj de l' socio. Kaj fine alvenis la ĝusta juĝo: „li estas individualisto!"

Kia do estas la mondrigardo de Apsesdels?

Kiel solan valoron de l' Tero, kiel centron de ĉio li rigardas la homon. Li estu la reganto de l' mondo! For ĉiajn barojn antaŭ li! Sed por tio li devas vere esti homo, laŭ la vera senco de l' vorto. Ne plu besto, ne plu sklavo, ne plu estaĵo stampe registrita al io ajn, ĉu ĝi estu politika partio, kultura aŭ ekonomia asocio, religio ktp. Liaj juĝoj estu liberaj, li agu laŭ sia vidpunkto kaj la celo de lia agado estu kulturo, tutmonda, tuthomara! Jen la programo, ĉirkaŭ kiu kuras la fadenoj de liaj pensoj. Justaj kaj ĝustaj juĝoj pri la nuntempa stato de la socio, kuraĝa malkovro de ĝiaj mensogoj, krimoj, malĝustaj vojoj — jen la enhavo de liaj poemoj. Ilian elokventon estas malfacile kontraŭdiri. Bedaŭrinde, kion oni ofte vidas ĉe reformistoj, la kritika, kondamna, detrua parto de lia verkaro estas pli evidenta, pli nerefutebla ol la konstrua, novkrea.

Ankaŭ rilate la formon Apsesdels estas individualisto. Li ne uzas formojn, ne uzas vortojn jam uzitajn, li kreas ion novan. Li estas ŝatata de la legantoj kiel kreanto de novaj valoroj. La nuntempan latvan poezion li detenas iom de la ŝablonismo. Pro li estis rompitaj multaj plumoj, sed neniu el ili tuŝis lian koron. Li estis kaj estas — Apsesdels, aparta roko en la montaro de la nuntempa latva poezio. *R. Eichenbaums.*

## JOHN DRINKWATER

(elparolu Ĝon Drinkoater) kvankam ankoraŭ juna (li naskiĝis en 1882), jam akiris al si grandan famon kiel moderna poeto dramverkisto. Li eldonis sian unuan verkon de poeziaĵoj en 1908. Kun aliaj li fondis la *„Pilgrim Players"*, „Pilgrimantaj Ludantoj" kaj poste fariĝis direktoro de la Birminghama *Repertory Theater* kiun li direktis kun granda distingo dum multaj jaroj. Liaj teatraĵoj *„Abraham Lincoln"*, *„Oliver Cromwell"* kaj *„Robert E. Lee"* kun aliaj famigis lin inter la angla publiko en sia hejmlando kiel en Usono. La teatraĵo kiu aperas tie ĉi, la unua traduko en la Esperanta lingvo el liaj verkoj, estas aparte interesa al la Esperantistoj pro ĝia interna ideo kaj spirito. Ĝi estis prezentita unue en 1917, dum la milito, en Birmingham sub la direkto de la aŭtoro mem. **J. D. A.**

## ZOLTÁN KODÁLY

Atente observante la evoluon de la muziko je la fino de la pasinta jarcento, oni facile rimarkos ke ĝi estis frukto tromatura. La principoj, sur kiuj ĝi estis bazita, estis ekspluatitaj, oni tiris el ili la lastajn konkludojn, plua progreso ŝajnis neebla, eĉ ne imagebla. Oni dubis: ĉu estas eble komponi operon post Wagner, simfonion post Bruckner kaj Mahler, kaj estis ankoraŭ aliaj demandoj, ĉiuj kun respondoj neantaj.

La rimedojn de l' savo trovis la tiamaj francaj komponistoj; ili reiris el la tromaturiĝinta civilizacio al la freŝa naturo patrina. En la muziko tio signifas: oni forlasu la ĝisnunan fundamenton kaj observu kaj studu la kantojn popolajn. Ĉi tiu principo naskis la folkloran movadon. Ĉe popolo, kies malnova popolmuziko apenaŭ estis ĝis nun esplorata, ĝi promesis riĉan rezulton. Kaj vere, ĉi tiu principo donacis al ni inter aliaj la modernan francan muzikon, kiu tamen — pro kaŭzoj kiujn mi nun ne povas pritrakti pro manko de loko — ne savis la universalan muzikon *rekte*, sed nur *pere*, intercetere per la du grandaj komponistoj hungaraj: *Bartók* kaj *Kodály*, kiuj ambaŭ recivis valorajn impulsojn de ĝi. Nun ni vidu la duan.

*Kodály* (1882-) komence sin preparis por scienca kariero, muzikon li ne lernis sisteme. Tamen frue montriĝis lia talento de komponado. Fruaj fruktoj: kelkaj verkoj de ĉambromuziko, uverturo (1897!) kaj unu Meso.

En 1900 li vojaĝas Budapeston por viziti la filozofian fakultaton. Tiam li jam intense lernas muzikteorion.

Tiutempe atingis Hungarion la ondoj de la folklora movado. Kodály kaj Bartók fervore sin decidis al la studado de l' popolmuziko. Baldaŭ rekonante ke la tiel nomita hungara (cigana) muziko konsistas nur el plimalpli trivialaj kantoj artefaritaj, ili ekserĉis la veran hungaran muzikon inter la popolo, en la plej netuŝitaj partoj de la lando. Kaj la rezulto estis grandioza. Miloj da kantoj, multaj jam nur en memoro de maljunulinoj, estis ankoraŭ troveblaj, kaj trovitaj vere en la lasta momento.[1]) Multcentjaraj, paramaljunaj kantoj.

Sed al li la laboro alportis ankoraŭ pli altvaloran rezulton: la fekundiĝon de lia spirito, kio manifestis sin en forta fermentado. Al la interna riĉeco baldaŭ aliĝis la direktilo de la sperto. Dum sia eksterlanda vojaĝo (1906—1907) li ektrovas la trezoron de la moderna muziko franca (Debussy), kiu lin influis en la una periodo de lia evoluado.

De 1907 li estas profesoro de l' Muzikakademio en Budapest. Lian nomon faris konata unue la simfonia poemo: *Somera Vespero*, kaj kelkaj pianoverkoj. Poste li turnis sin al alia branĉo, al la ĉambromuziko. Kaj en ĝi — li pruviĝis ĉiopova suvereno. La individua karaktero de la ĉambromuziko — rezulto de libera unuiĝo de instrumentoj — tre konvenis al lia profunde sentema naturo, kiu sin manifestas en mirinde pura, sed vire subpremata lirismo. Ekde la *unua arĉkvarteto* li klopodas atingi la plej grandan intensecon de l' esprimo kaj enhavo, la rimedoj uzitaj ĉiam pli kaj pli malpliiĝas, *(Sonato por violonĉelo kaj piano. Duo por violonĉelo kaj violono)* ĝis fine li forjetas ĉion ne nepre necesan sin limante je sola violonĉelo, en la majstroverko: *Sonato por violonĉelo-solo*. En ĝi regas la plej granda perfekteco: plena libereco de l' esprimo en formo plene unueca. Sekvis: la *dua kvarteto* kaj *serenado por arĉtrio*.[2])

Intertempe li plugadis la humon de l' popola muziko. Ĝia profundeco, sana forto, riĉaj ritmoj, ŝprucanta melodia fonto ricevis veran apoteozon en liaj kantoj. En kelkaj jaroj li — unuvunura viro — rekreis la hungaran muzikon de l' pasinteco. La tekstojn li prenis el malnovaj poetoj, motivojn li uzis popolajn, ornamante ilin per la admirinda, riĉe orbrodita mantelo de l' akompanaĵo, farita el ŝtofo de sonoraj harmonioj modernaj. Li komponis ankaŭ poemojn de Ady. La kanto kun orkestra akompano *„Plori, plori, plori"*[3]) estas grandioza rekreo de la preme streĉita poemo. Malhelaj basoj, trema brilo de marĉlumoj sur la lignaj blovinstrumentoj, abunde riĉaj tonkoloroj, kuntrenanta mistika patoso solviĝas fine en la korŝiraj lamentoj de fluttriloj kaj tercpasaĝoj.

Lia fortika fundamento etika kaŝis en si la ĝermon de admirinda frukto, per kiu li alvenis al la vera monumentaleco. Ĝi estas la *„Psalmo hungara"* (55-a psalmo) por ĥoro, tenorsolo kaj orkestro, komponita laŭ malnova traduko el la 17-a jarcento. Verko kun tremige frapanta efekto, admirinde perfekta laŭ enhavo kaj formo, elpenso kaj efektivigo. Plej frapanta tamen en ĝi estas la tute nova priuzo de la homa voĉo, per kiu la komponisto atingis ĝis nun nekonatajn, mi povus diri, metafizikajn efektojn. Ĝi estas ne nur la plej granda verko de la hungara muziko, sed laŭ mia kredo sendube ankaŭ unu el la plej gravaj de la tuta muzikliteraturo.

Liberaj malproksimoj, revemaj meditoj, profundaj pripensoj, grandliniaj, jen reve ŝanceliĝantaj, jen pasie eksvingitaj melodioj, pompa florado de tonkoloroj — jen la muziko de Kodály. Kaj tia matureco, tia atingo de supro, tia nepra dispono pri ĉiuj ebloj de esprimo, ke la admirantoj spirretene atendas, kiajn abundajn fruktojn disjetos la nun jam mondfama majstro el la riĉa profundo de sia koro. *Karlo Lovasi*

[1]) Unu volumo aperis ankaŭ france kaj angle.

[2]) Ili estas eldonitaj de la mondfama „Universal Edition" (Vieno).

[3]) Vidu L. M. III. 8. 133.

# LETERKESTO

**L. K.-ANO.** Vi rekte demandas nin, kion ni opinias pri la Nov-Esperanto de sro de Saussure. Ne tre volonte ni respondas, ĉar tiu ĉi demando estas ekster la kadroj de nia agosfero. Ni uzas la lingvon, do problemo por ni povas esti nur ĝia uzebleco kaj ne ĝia teoria perfekteco en tiu aŭ alia rilato. Ni estas konvinkiĝintaj ke tia perfekteco estas relativa kaj, ĝuste pro tio, ĝia serĉo kondukas nur al diskutoj kaj disputoj, sed neniam al definitiva, do *uzebla* lingvo. Sro de Saussure kreis jam kvin aŭ ses projektojn, ĉiujn li deklaris definitiva siatempe, multfoje tre akcente, unufoje eĉ kun la garantio de la Esperantida Akademio. Kaj, dum la malfeliĉa „Virineto de l' Maro" faris siajn metamorfozojn unu post la alia, la Esp. literaturo bele riĉiĝis. Kaj ĝi esperreble ankoraŭ riĉiĝos, dum la suprenomita fabelo daŭrigos siajn metamorfozojn.

Sed sen ŝerco! Zamenhof multe batalis siatempe kontraŭ reformuloj. Fine ili eksiĝis, aniĝis al aliaj projektoj kaj — de tiu tempo vivas Esperanto. Kiom da kapoj, tiom da ĉapoj — jen la granda danĝero por artefarita lingvo. Kaj el ĉi tiu danĝero la sola eliro estas, se ni povas diri diktatore: „jen *la* internacia lingvo, ĝi ekzistas, ĝin parolas miloj kaj miloj da homoj, kiuj tute ne scivolas pri via persona gusto kaj prefero. Se ĝi ne plaĉas al vi, mi kompatas vin, ke vi devas uzi lingvon, kiu al vi ne plaĉas. Cetere — trankviliĝu, vi alkutimiĝos".

Tia parolo, nun, post la multaj sukcesoj de Esp., estas pli ebla kaj malpli ridiga, ol en la unuaj tempoj. Kaj kiam ĝi estos tute memkomprenebla — tiam venkos Esperanto.

Sed komenci nun denove diskutojn pri la formo de multenombro? Tiu forigus la skismon? Kian skismon? La idistan certe ne, ĉar la *Esperantida* estis multe pli simila al Ido ol Nov-Esperanto kaj idistoj tamen ne tumultis sub ĝian blankstelan standardon. „Occidental", „Medial" kondamnas tiajn ecojn de Esp. kiuj ekzistas ankaŭ en Nov-Esp. Skismo ne foriĝus, sed fariĝus. Ĉar ni estas certaj, ke eĉ se L. K. akceptus la reformon, granda parto de esp. istoj elektus por si — alian L. K. Ankaŭ mi mem. Mi tute ne emas, pro kontesteblaj plibonigoj, transskribi miajn verkojn, traduki ree miajn tradukojn.

Jes. Esp. estas jam „nenies proprajo", al ĝia anaro neniu povas trudi reformojn, ĉar neniu havas plenan potencon super tiu ĉi anaro. La Akademio ekzemple akceptis la formojn *ankore, anke*, kaj — neniu uzas ilin, la plejmulto eĉ ne scias pri tio. Ni havas jam *amason* esp.istan kaj la konservativemo de la amaso certe malhelpos — dank" al Dio — ĉian danĝeran eksperimenton.

Sro de Saussure havas grandegajn meritojn. Liaj principoj „sufiĉo kaj neceso" estas la trezoro de Esperanto. Lia vortderiva sistemo, kvankam ne oficiala, estas la vivanta parto de la lingvo, per ĝi li fariĝis kvazaŭ ĝia kunkreinto. Nur depost liaj klarigoj oni vidas la grandan superecon de Esperanto al Ido, oni povas diri ke bone konante tiun ĉi sistemon oni bonafide ne povas esti idisto.

Estas tre bedaŭrinde ke sian grandan talenton poste li uzis ne por la *ebla* pliperfektigo, t. e. *kompletigo* de la lingvo, sed por ĝia *ne ebla* pliperfektigo, t. e. *reformo*. Longajn jarojn li laboris tre fervore, tre science, tre sprite — kaj tre senrezulte. Li havis vere genie spritajn trovajojn, por forjeti ilin en la sekvinta projekto. Kaj nun li preskaŭ tute revenis al sia Antido-projekto publikita en la jaro 1911.

Ĉar Nov-Esperanto estas pli proksima al Esp. ol ĉiu el la Esperantidaj projektoj. Ĝi diferencas de Esperanto nur en kvar punktoj: 1. manko de supersignoj, 2. multenombro kun *n*, 3. akuzativo kun *u*, 4. sistemo de prepozicioj.

La manko de supersignoj estus ja bona, se ĝi ne postulus sufiĉe grandajn ŝanĝojn en la vortaro. Sed tiel? Ĉu la perdo (la devo lerni novajn vortformojn) valoras la gajnon? Nun kiam ĉiam pli kaj pli multaj presejoj jam havas la literaron. Kaj ĝin ja havos ĉiuj presejoj post la oficiala akcepto nepre. Kaj ĝi ja estas la plej perfekta fonetika sistemo.

La multenombro kaj akuzativo estas ŝanĝitaj pro kaŭzo de belsoneco. Nu, tiu ĉi belsoneco estas relativa, dependas de gusto, kaj de tio, ĉu oni rigardas la lingvon el ekstere, aŭ oni vivas en ĝi. Mi ne volas paroli pri la greka lingvo: „O popoi, hoion de nü theous brotoi aitioontai". Sed al mi vere pli plaĉas: „La monotonajn trilojn de la griloj" ol „la monotonan trilun de la grilon". La terure multaj *n* kun sia seka, scienca, senaroma, obtuza sono komence enuigas, poste faras min vere nervoza. Ĉi tiun efikon ankoraŭ pligrandigas la oftaj *u*, kun siaj surdaj ekbatoj. Krome — estas kontraŭ mia pensmaniero ke la akuzativa finaĵo antaŭas la pluralan. Laŭ mia opinio ne „homon" havas pluralon, sed „homoj" havas kazon akuzativan.

La sistemo de prepozicioj estas tre sprita kaj perfekta, pli bonan, pli matematike ekzaktan sistemon oni apenaŭ povus krei. Sed ĉu tiu troa ekzakteco estas rekomendinda en lingvo? Ĉu ĝi ne pli evidentigas tiun ĝian artefaritecon, kontraŭ kies ŝajno ni luktas en nia literaturo? Kaj, strange, tiaj tro regulaj partoj de la lingvo eĉ ĝian lernon ne faciligas. Ĉiu kursgvidanto spertis tion ĉe la Tabelo.

Sed ĉi tiu pritraktado havas nur akademian signifon. La projekton ni trovus neakceptinda, eĉ se ĝi ĉiurilate estus sendube plibonigo. Nia zorgo ne estas plu la strukturo de la lingvo, por ni ĝi estas definitiva, preta. Ni ja estus vere ridindaj, se ni volus evoluigi literaturon en lingvo, kiun oni morgaŭ eble ŝanĝos ĝis nerekonebleco. La stilo, jen nia sola zorgo, ĝin ni volas evoluigi ĝis tia nuancriĉeco, ke ĝi neniom restu malsupera al la naciaj lingvoj. Dum ĉi tiu evoluo ja povas okazi malgrandaj ŝanĝetoj, sed ili venos iom post iom, kvazaŭ nerimarkeble, kaj propre eĉ ne estos ŝanĝoj, nur riĉiĝoj. La belsoneco de Esp. estas por ni sendube, pro alkutimiĝo ni sentas nin el la lingvo hejme kaj ĉiu nenatura ŝanĝo frapas nin malagrable, kavazaŭ stranga, slanga malperfektaĵo. Ĉu la lingvo, aŭ iu ĝia vorto estas perfekta laŭ diversaj konsideroj (kiuj cetere tre ofte kontraŭdiras unu la alian) tio tute ne interesas nin. La kapricojn, malglataĵojn ni rigardas simple specialaĵoj, kiujn artisto povas uzi siaj celoj. La francojn ne ĝenas ke ili devas diri „mi ne manĝis paŝon" kaj „kvardudekdek" anstataŭ „mi ne manĝis" kaj „naŭdek". Ankaŭ nin ne ĝenas strange faritaj vortoj, kapricaj reguloj, ni scias pri ili „teorie", sed ni ne rimarkas ilin „praktike", dum la uzo de la lingvo. Nur laŭ tia sento de la lingvo ni povas diri vere, ke Esp. estas vivanta lingvo. Kaj ĉi tion ni diras kaj laŭ ĉi tio ni agas!

Ni ne komprenas ekzemple la antipation de sro Stojan kontraŭ la oficiala (kaj Zamenhofa!) vorto „abismo". Ĝi estas Esperanta vorto — kaj finite! Kiun interesas plu, ĉu ĝi estas perfekta laŭ internacia etimologio?

Por fini — ni ĝojas pri ĉiuj apartaĵoj, ĉar ili estas esperantismoj, do pruvoj pri la memstara vivo de la lingvo.

Kaj pri Nov. Esp. ni certe scias ke ĝi restos projekto.

*Kopar.*

**Nepublikotaj manuskriptoj.** Garibaldi kaj la Idealo. Nekonatino. Ĉe la limo. La heredaĵo. (Ni jam tre multe publikis de la sama aŭtoro.) Pakaĵo el Usono. (La stilo estas tre vigla, sprita, bongusta kiel ĉiam el la sama fonto, sed la situacion saman iom troe eluzis Kristiano Mallerta.) La ermito. (Ni longe hezitis pri la belega novelo, sed — ni ne kuraĝas riski. Multajn indignojn ni jam amasigis super nia kapo kaj ni ne povas esti sufiĉe singardaj.) Al suproj. (Ni havas tro multe da tiaj „poemoj en prozo". La samo rilatas ankau al) Sunleviĝo. La heroo. Duesenca vivo. Tio ĉi atendas vin. Preĝo de patrino. Balado. Kosma romanco. (Tre malfacile komprenebla tradukaĵo.) La neevitebla blankulo. (Ne reprezenta verko de la aŭtoro.) Patriotismo. (Belaj ideoj, tre bona traduko, sed por ni tro „teoria".) Eksterĉielo kaj La Societo ĉe la Ora Pordego. (Strange malglata kaj komprenmanka lingvaĵo.) Tilulilui. La obskura homido. Morto. (Parte tro longaj, parte seninteresaj. La ĉarmo de la originalo certe estas en la stilo, kiun la traduko ne povis konservi, respektive ne povis trovi la esp. stilekvivalenton. Certe tre malfacila afero!) Okuloj de junaĝo. (Kun surprizo ni vidis ĝin en alia gazeto, ni devis ĝin malkompostigi.) La freneza batleno. (Vidu: La heredaĵo.) La spegulo de l'demono. La virino. Karikaturo en Aŭstralio. Anna Karenina. (Tro konata pro doni el ĝi fragmenton en nia malampleksa revuo.) La hontemuloj. (Ni petus eble ion alian de la sama aŭtoro.) Pirate (poemo. Ĝi montras ne ordinarajn poetajn kapablojn, sed estas tro longa por sia temo. Eble fragmento aperos.) Anna Brigader. (Ĝi aperus, se ni ricevus ion el ŝia plumo. La samo ankaŭ pri) Karlis Kruhza. La kanto de l'upupo ktp.

**Publikotaj:** Rakonto de nubo. La pelikano. Printempo en la homo. A rebours. (Se permesate.) Lupo. La horloĝo. (Gorkij.) Kristnaska fabelo. (Siatempe.) Mia krimo. En luna nokto. La morto de l'piloto. Rakonto el la pratagoj. La platinringo. Henry Lawson. (Estus bone ricevi ion el lia plumo.) La festo de la mar-gutoj.

Pro nia mizera amplekso ni devas peti pri persista pacienco la sendintojn de la sekvantaj manuskriptoj: Metio. Historio de blanka merlo. Malsanaj perloj. La violono de l'cigano. Reĝido Marko en malliberejo.

Daŭrigo sekvos.

**Ni petas** niajn kunlaborantojn, ke ili, se ili ne povas sendi maŝinskribitan tekston, bonvolu skribi legeble. Precipe ni atentigas pri la diferenco inter la literoj n kaj u. Atentante pri ĝi oni ŝparos al la Redakta Komitato multan laboron.



# AĈETU

## JAPANAN BELAN PROPRAN PENTRAĴON

pentritan per japanaj koloriloj sur silkkanvaso por helpo de mia studado!

**PREZO: PO PECO 3 JENOJ JAPANAJ**

Deziras ankaŭ korespondi kun artistoj de tutmondo prí nova belarto precipe pentrarto per letero, produktoj, teknikajoj k. t. p.

**KINNOSUKE FUĴITA**
japana pentristo
**ĈE FUĴI HONDA OOMORI ARAIĴUKU 1150**
Tokio (Japanujo).

**ALIĜU AL U. E. A.**

## VI PAROLAS PRI CENTMILOJ DA ESPERANTISTOJ!

Provu, ke estas almenaŭ dekmil!

# UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

bezonas dekmil membrojn
CENTRA OFICEJO:
**12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE**

## ALVOKO POR KUNLABORADO!

Dr. Benson's Presonal Mall Course Practical Esperanto bezonas helpontojn por plibonigi sian tre interesan kursolibron esperantan, kiu estos tradukita en aliajn lingvojn. Ĝi estos grava progresigo de Esperanto, do ĉiu esperantisto kunlaboru per sia ideo efektivigi la planon de la sindona kaj ideala eldonanto. Interesiĝantoj por specimeno de la kursolibro kaj listo de bezonajoj, turnu sin tuj al

**BENSON SHOOL OF ESPERANTO INC. 20 MERCER ST. NEWARK, N. I. USONO.**

## LEGU BONAJN VERKOJN:

| | | |
|---|---|---|
| *Madách:* La tragedio de l'homo (simpla) | 68.000 | h-Kronoj |
| (luksa) | 102.000 | „ „ |
| (bibliofila, lede bindita, kun ora rando kaj surpreso, jam nur 15 ekzempleroj imponaj volumoj | 660.000 | „ „ |
| simpla bindita | 120.000 | „ „ |
| luksa tole bind. | 190.000 | „ „ |
| *Jarkolektoj de L. M. bindItaj kun ora surpreso* 1922—23 | 350.000 | „ „ |
| 1924 | 210.000 | „ „ |
| *Dr. Vámbéry:* Kriminologio (El serio: „Kulturo kaj Scienco".) | 25.500 | „ „ |
| *Karinthy:* Morgaŭ matene | 17.000 | „ „ |

Al la prezoj aldonu poŝtelpezojn.

**HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO**
**BUDAPEST, VI., EÖTVÖS-UTCA 3.**

## ĈU VI VOLAS VOJAĜI AL ROMO POR 3000 HUGARAJ KRONOJ?

Ĉi tiu demando incitas nun ĉiun. La solvo ja estas ebla, ĉar la **„Eldonkomitato de poŝttkartoj pri Sankta Jaro"** disvastigas artajn poŝtkartojn kun senpaga premi-slipeto en 3000 hungarkrona prezo. Ĉi tiuj premislipetoj estos lotumataj la 15-an de junio kaj

**post ĉiu serio 10 personoj povos vojaĝi al Romo tute senpage**

La gajnintoj rajtas partopreni kiun ajn pilgrimon senpage ĝis la fino de jaro 1925. Pri la akcio ĉie estas granda interesiĝo. **La „Eldonkomitato de poŝtkartoj pri Sankta Jaro" Budapest, V., Honvéd-utca 10.** — ĝis la serioj elĉerpiĝas — sendas minimume 10 pecojn kun antaŭ — aŭ poŝtpago. Mendinte pli ol 30 pecojn oni ne pagas poŝtelspezon. Al parohejoj, lernejoj ni sendas ankaŭ komisie la deziritan kvanton. Ciuokaze estas dezirinde, ke ju pli multaj aĉetu poŝtkartojn, ĉar des pli multaj povos vojaĝi al Romo.

Szentévi Levelezőlapok Kiadóhivatala
**Eldonkomitato de poŝtkartoj pri Sankta Jaro**
**Budapest, V., Honvéd-utca 10. (Hungarujo.)**

## KIU ESTAS LA PLEJ BELA LIBRO EN ESPERANTO?



# SOLVO

**MADÁCH-KALOCSAY:**

# LA TRAGEDIO DE L'HOMO

laŭ la plimulto de voĉdonintoj pri nia enigmo. Konvinkiĝu kaj mendinte la verkon sendu vian opinion al

**HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO**
**BUDAPEST, VI., EÖTVÖS-UTCA 3. SZÁM**

Prezoj sen afranko:
Simpla: 68.000 Hung. Kr. Luksa: 102.000 Hung. Kr. Bibliofila: 660.000 Hung. Kr.

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró